# REGo



## RUSIA ESPERANTO-GAZETO



*komuna eldono de REU kaj REJM* *№ 4 (17) septembro 2003*

*en la numero*

*rakontoj pri RET-03, OkSEJT-43, UK-88 kaj aliaj aranĝoj*
*proksimiĝas Ago-Tago*
*"Velura Sezono" renaskiĝos en 2004*
*"Oraj Kantoj": novaj diskoj kaj unua koncerto*
*tridekjariĝo de la fama lernolibro*
*"Bulteno de REU" kaj "REJM-info"*
*novaĵoj, anekdotoj kaj multo alia*

**Moskvo, 2003**

# RET–03

malgraŭ la streĉa programo ne mankis tempo eĉ por balanciĝi







Nikolaj Gudskov Aleksandr Melnikov Irina Gonĉarova

# RET-03

De la 14-a ĝis la 24-a de aŭgusto 2003 en la bazejo "Berjozka" apud la urbo Kovrov (Vladimira reg.) pasis RET-03 (Rusiaj Esperanto-Tagoj). En la aranĝo partoprenis 101 geesperantistoj (53 inoj kaj 48 viroj) el 43 loĝlokoj de 5 landoj (Rusio, Belorusio, Finnlando, Ukrainio, Usono). Plej multaj partoprenintoj venis el Ivanovo (15), Moskvo (13) kaj Moskva regiono (9). Averaĝa aĝo de RET-anoj estas 34 jaroj, averaĝa jaro de la esperantistiĝo – 1991.

La programo de RET-03 estis tre interesa, abunda kaj diversflanka. Ofte dum la programo partoprenantoj devis elekti inter tri paralelaj aranĝoj. La matenan parton de la programo okupis lingva kurso ("Septima" de Vladimir Soroka), Somera Universitato (dum kiu ĉiuj dezirantoj aŭskultis ĉiutage interesajn prelegojn pri diversaj temoj), netradicia aranĝo "Horo de la Homo" (oni omaĝis la antaŭnelonge forpasintajn Jelena Zaznobina kaj Dmitrij Perevalov, en aliaj tagoj pri sia vivo kaj E-agado rakontis po 2-3 konataj gesamideanoj), rakontoj kaj kursoj pri diversaj metioj kaj hobioj (trikado, Go-ludo, kuracado per naturaj rimedoj, spirgimnastiko).



*kelkaj prezentoj pruvis la utilon de porinfana programo*

La plej streĉa (ĉiam kun 2-3 paraleloj) estis la taga programo: rondaj tabloj, diskutoj, progresiga kurso, konversacia rondo, kvizoj (pri famaj esperantistoj, pri Esperanto kaj la movado, pri E-kantoj), intelektaj ludoj, prelegoj, tabloteniso, masaĝo, instruado de kantoj, karaokeo, prezentoj (de StRIGo, "Oraj kantoj", nova romano de M.Bronŝtejn ktp.), seminarioj por instruistoj kaj por tradukistoj, "REU-Estraro respondas", psikologia trejnado, renkontiĝo kun REGo-legantoj, porinfanaj programeroj ktp.

Kiel ĉiam, la vespera programo estis dediĉita al E-kulturo, al kiu sendube apartenas la kantaj koncertoj de Mikaelo Bronŝtejn (Tiĥvin), Vladimir Soroka kun Maksim Ŝabala kaj Pavlina Kravĉenko (Poltava), Pavel Korotenko (Slavjansk), Mikaelo Povorin (Moskva), Andrej Obrezkov kun Valera Vorobjov (Ivanovo), Helena Melnikova (Rostov-na-Donu), piankoncerto de Irina Mironova (Moskva), muzikprelegoj pri famaj komponistoj de Nina Djomuŝkina (Sankt-Peterburg), KGS (konkurso por gajaj kaj spritaj), Adiaŭa balo kun komuna koncerto kaj aŭkcio. Vespere okazis ankaŭ teatraĵetoj, konkurso de anekdotoj, demonstrado de vide-


*la tradukista seminario*

ofilmoj (pri EoLA-15 apud Novosibirsko, pri "Ora somero" apud Poltava, "Perloj de Ĉenigramarujo" de Odesa E-klubo, koncertoj de Ĵomart kaj Nataŝa dum UK-88, televida ludo kun esperantista partopreno). Kronis ĉion (se ne pluvis) lignofajroj kun noktaj kantadoj kaj ludadoj.

Okazis ankaŭ tradicia voĉdonado pri Sinjoro kaj Sinjorino de RET-03, tiuj fariĝis Aleksandr Melnikov (Rostov-na-Donu) kaj Irina Gonĉarova (Odincovo).

Aparte menciindas alta lingva nivelo de la Tagaro. Laŭ mia opinio ĝi estis la plej bona dum kelkaj lastaj jaroj en niaj amasaj aranĝoj. La krokodilado estis vere malofta. Laŭ miaj postaj kalkuloj nur 11 partoprenintoj (inkluzive infanojn) povis esti taksataj kiel komencantoj, kaj nur 18 – kiel progresantoj, la aliaj bone parolis Esperanton kaj uzis la tagojn ĝuste por tio.

***Garik Kokolija (Moskva)***

## RET-03 PER LA OKULOJ DE MUZIKISTO

Mi volas iom rakonti pri la muzika parto de RET-03.

Unue, mi sukcesis fari, kiel mi planis, kvizon pri Esperanta muziko, kaj la unuan fojon en la historio ĝi konsistis nur el Esperantaj kantoj! Mi ĝustatempe konsciiĝis, ke tio ne estas la ludo "Divenu melodion", kiel mi antaŭe planis. ("Divenu melodion" estas jen kio. Oni donas al du rivaloj priskribon de kanto, kies sep unuaj notoj tuj sonos. Se ludanto jam per la difino konjektas, pri kio temas, li povas diri: "Mi divenos per ses notoj". Se ankaŭ lia rivalo konjektas, li povas marĉandi: "Mi divenos per kvin notoj". (Kaj tiamaniere ĝis minimume tri notoj.) La rajton respondi ricevas tiu, kiu pretas diveni la melodion per minumumo da notoj. Poste oni ludas piane la notojn, kaj li donas la respondon. Se estas malĝuste, respondas la rivalo, aŭskultinte je unu noto pli.)

Kiel okazis la kvizo en RET-03? Oni sonigis por partoprenantoj


*Miŝa Povorin demonstras karaokeon per komputilo*



*Vladimir Soroka, Pavlina Kravĉenko, Maksim Ŝabala*

fragmentojn de kantoj, kaj ili devis laŭeble plej rapide levi la manon kaj ĝuste respondi, kiu kantas, kiel nomiĝas la kanto kaj kiu verkis ĝin. Pro ĉiu ĝusta respondo oni ricevis unu poenton. Se iu respondis ne ĝuste aŭ ne plene, la rajto plu respondi pri tiu kanto transiris al la dua manlevinto, poste al la tria ktp. Ĉi-foje la ludantoj devis respondi pri 45 Esperantaj kantoj de plej diversaj stiloj: de rusiaj bardaj ĝis teknaj, de mezepoka muziko ĝis roko. Kaj neniu artisto ripetiĝis! Estis malfacile, sed interese. Multaj esperantaj KD kaj kasedoj por ni rusianoj estas dume malfacile aĉeteblaj pro financaj kaŭzoj, sed eĉ se oni tute ne povis rekoni iun artiston, oni iomete konatiĝis kun li. Tio bone konformis al la ĉefa temo de la tendaro: "Homoj: konataj kaj nekonataj". Cetere, troviĝis veraj sciuloj de la Esperanta muziko, unuavice Garik Kokolija, kiu gajnis la kvizon, kelkoble superinte la rivalojn. Tamen ankaŭ la aliaj partoprenantoj montris eĉ pli bonajn sciojn ol mi atendis. Mi esperas, ke mi sukcesos denove aranĝi similajn kvizojn.

Krome, mi (finfine!) sukcesis demonstri al dezirantoj, kiel funkcias komputile karaokeo en Esperanto (ankaŭ tion multaj vidis unuafoje en la vivo). Mi konvinkiĝis, ke tiamaniere la spektantoj sufiĉe facile kaptas la melodion de eĉ tute nekonataj kantoj. Estas tre oportune por interŝanĝi novajn kantojn.



*Paŝa Korotenko*

Kaj ĝenerale, ĉi-foje ĝuste la muzika parto de la tendara programo estis nekutime riĉa. Okazis tri koncertoj de Vladimir Soroka kaj lia ensemblo, po unu de Mikaelo Bronŝtejn, Andrej Obrezkov + Valerij Vorobjov, Mikaelo Povorin, Pavel Korotenko, Helena Melnikova (nova rok-barda steleto!). Krome, ĉeestis bonaj pianistinoj Irina Mironova kaj Nina Djomuŝkina, kiuj prelegis respektive pri ragtimo kaj la muziko de J.Strauss, demonstrante tion per sia pianludado. Kromkrome, dum KGS (Konkurso de gajaj kaj spritaj) estis "Divenu melodion", priskribita supre. Estis ankaŭ granda komuna koncerto dum la adiaŭa balo. Certe, okazis instruado de novaj kantoj al komencantoj kaj kantado nokte apud lignofajro.

Neforgesebla tendaro ĝi estis!

***Mikaelo Povorin (Moskva)***

## RET-IMPRESOJ

Antaŭ ĉio necesas danki la organizan duopon – N.Gudskov kaj G.Kokolija, kies sindona kaj konkorda laboro fundamentis la sukceson de RET. La programo ĉi-jare estis surprize varia kaj abunda. Sendube ornamis la aranĝon aktiva kontribuo de malnovaj aktivuloj, kiujn mi jam delonge ne renkontis en tutrusiaj aranĝoj: A.Melnikov, T.Auderskaja, N.Cvileneva. Estas bedaŭrinde, ke REJM ne preparis apartan junularan programon, sed eĉ en tio estis iom da bono: kelkaj seriozaj gejunuloj ja vizitadis komunajn diskutojn kaj klerigajn aranĝojn kaj espereble ĉerpis tie por si ion utilan; se ilin ensorbus la junulara programo, tio okazus malpli ofte. Riproĉon meritas la fakto, ke ne okazis ĝenerala rakonto pri UK-88, kvankam ja en RET estis kelkaj ĵus-kongresintoj.


*interesigitaj aŭskultantoj neniam mankis*

La lingva disciplino laŭ mi iom sinkis: en RET-02 rusa parolado estis nur flustra, sed ĉi tie mi misŝancis aŭdi plenvoĉan krokodiladon kaj en publikaj lokoj de la teritorio, kaj eĉ dum laŭprograma aranĝo. (Pri la lasta kazo: estis korpekzerca ludo por progresantoj; la komandoj, donitaj en E-o, estis tuj ripetataj ruse – ne duonvoĉe por eventualaj embarasitoj, sed laŭte por ĉiuj. Evidente, en tia skemo la E-komandoj estis nur rita aerskuado: kial la aŭdantoj streĉiĝu por kompreni ilin, se tuj sekvos la samo en la komforta gepatra lingvo?) Pri du kunloĝantoj – diagnoze eternaj komencantoj, kiuj post du frazoj en kripla E-o jam laciĝis kaj transiris al la rusa, mi eĉ ne parolu...

Mi opinias, ke RET estu forumo por tiuj, kiuj reale parolas la lingvon – ne pro devo, sed pro vera ŝato. La organizontoj de venontaj RET-oj ne nur ne forgesu enmeti en la aliĝilon la promeson pri observo de la lingva disciplino, sed eĉ aŭdacu skribi en la informleteroj proksimume jenon: "Se vi ne kapablas aŭ ne ŝatas paroli en Esperanto, se vi ne pretas uzadi nur ĝin dum la tuta restado – RET estas aranĝo ne por vi, kaj ni antaŭdankas pro via neveno".

***Viktor Aroloviĉ (Moskva)***

## NI RENKONTIĜIS DENOVE EN KOVROV!

Malseke, iam malvarme. Pluvo. Denove pluvo. Pluvas kaj pluvas senĉese. Mi priskribas RET-03. Verdire nur homoj donacis varmon al tiu loko, kie okazis RET. Kaj aperigis la sunon. Pri tio okupiĝis mi kaj ankoraŭ Uljana. Ni iom po iom "simoronis" por ke estu la suno. Povas esti, ankaŭ aliaj homoj faris la samon.

Min ĝojigis la lingvo-posedo de partoprenantoj. Ĉie eblis aŭdi Esperanton. Eĉ

en necesejo. Agrable!

La etoso estis bonega laŭ mi dum ĉiuj koncertoj. Homoj kolektiĝis en malgranda klubejo kaj ĝuis la kantadon de spertaj kantistoj. Sed ne nur. Aparte indas diri pri Helena Melnikova. Al mi ege plaĉis ŝia kosma apero en verda koncerta kostumo kaj tekstoj de ŝiaj kantoj. Iomete mornaj ili estas, sed havas filozofion, kaj la kantado de Lena igas aŭskulti kaj memori ĉiun vorton.


*Andrej Obrezkov kaj Valera Vorobjov*

Dankon al Miŝa Povorin. Ĉiam bonkvalita plenumado. Li meritis siajn longajn aplaŭdojn. Mallaŭtaj koncertoj de Soroka abundis. Laŭ la proverbo: "Gutta cavat lapidem saepe cadendo" (Akvo ŝtonon per gutoj ronĝas). (Ŝerco). Kaj strikta intenso dum koncerto de Paŝa Korotenko. Ne sufiĉas laŭdindaj vortoj. Fluon de freŝa aero alportis la koncerto de Andrej Obrezkov kaj Valera Vorobjov. Mikaelo Bronŝtejn ĝojigis publikon per novaj kaj malnovaj kantoj.

Mi pensas ke mankis diversaj labor-kursoj. Aro da junuloj, interalie sufiĉe bonaj E-parolantoj, suferis pro neorganizado de junular-programo. Labor-kursoj estus por ili bezonataj. RET-03, laŭ mi, estis iom malvigla. Mi mem ne havis intencon aktiviĝi. Eble pro la vetero. Sed la dek tagoj apud Kovrov donis al mi ion utilan por mia daŭra laboro en Novosibirsko, kaj mi venis hejmen kun bona laborema humoro. Dankon al organizantoj de la renkontiĝo!

***Katerina Arbekova (Novosibirsk)***

## EKZEMPLO DE LA EKSTERA INFORMADO

*Sube vi trovos la ruslingvan artikolon pri RET-03, verkitan de A.Melnikov por la gazeto "Veĉernij Rostov". REGo publikigas ĝin kiel ekzemplon de la ekstera informado pri niaj movado kaj aranĝoj. En sekva alineo estas kelkaj komentoj de la aŭtoro por REGo-legantoj.(Red.)*

Mi klopodis reliefigi nur tion, kio povus esti interesa por ekstera publiko. Tial mankas mencioj pri kontribuoj de multegaj valoraj personoj, kiujn konas kaj kapablas apreci ni, sed ne eksteruloj, same kiel pri gravaj nur por ni programeroj. Ekzemple, mi nenion diris pri Soroka kun ties koncertoj kaj kurso "Septima", pri la diskuto "Ĉu E-o estas sekto", pri la grandega kon-


*Mikaelo Bronŝtejn, Helena kaj Aleksandr Melnikov*

tribuo de I.Gonĉarova por la junulara programo kaj multo alia. Ĝenerale mia takso de la aranĝo estas: malbonaj loĝkondiĉoj, riĉa kaj altnivela programo, bona organiza laboro dum la renkontiĝo mem far ĉefe du personoj: G.Kokolija kaj N.Gudskov.

## НОЧЬ, ЛЕС, КОСТЕР И ЭСПЕРАНТО

Ну, про ночи пусть рассказывает моя дочь. Ей 22, а это молодежная программа. Песни у костра, психологические игры, удовольствие, просто потому что молод, а рядом такие же. И хорошо безо всяких бутылок… Это фракция сов. Было их «штук 30», причем одна из «стай» «прилетела» прямо с молодежного эсперантского лагеря из-под Костромы (не хватило восьми дней того праздника). Затесался к ним и пришелец. Правда, не с иной планеты, а из Америки. Хотя для него это было почти одно и то же. Ну, представьте себе. Из такой-растакой «Да мы, да у нас…» – и в русский лес неподалеку от Коврова. Хоть был наш гость и умным, и добрым, но особой деликатностью не отличался. И честно высказался: «У меня такое впечатление, что в России всё делали на пьяную руку». Обидно, конечно, но возразить нечего. Даже слово «сервис» употребить постесняешься. Только и лезет в голову: «А у вас негров линчуют»…



*post la kurso "Septima" de V.Soroka kantis ĉiuj*

Впрочем, что я о грустном? Российские дни эсперанто (РЭТ) – это вам не похороны, пусть даже комфорта. Это марафон удовольствий. Во-первых, собрались здесь зубры российского эсперанто-движения. Многие по двадцать-тридцать лет в активистах, а кое-кто уже и своих чад вовлек, причем некоторых с самого рождения или раннего детства (для них эсперанто – язык семейного общения). В таковых – дочери И.Гончаровой из Москвы и Т.Лоскутовой из Иваново (сейчас студентки), П.Коротенко из украинского Славянска (между прочим, бард и здорово поет) и мое собственное творение под названием Лена (только что окончила два вуза, песни пишет, на международном конгрессе молодых эсперантистов в Страсбурге концертировала, а в Костроме уроки эсперанто проводила).

Кстати, и это во-вторых, концерты в РЭТе проходили каждый вечер. Любит наш эсперантский народ творчество. М.Бронштейн (Тихвин), к примеру, уже тринадцать книг опубликовал. Романы, очерки, учебные пособия, переводы И.Бродского, А.С.Пушкина и др. А уж песен сочинил – и считать не бу-

ду. Но послушал бы с удовольствием. И задушевные есть, и с юмором… И все на эсперанто, разумеется.

Так же, как и программа РЭТа. С утра и до… прощания. Сюда вошли лекции и семинары по самым разным разделам. Например, «Эсперанто и культура – две вещи несовместные». Так думают многие непосвященные. А ведь на самом деле, на этом языке, как в Греции, – есть все. Недавно прочел книгу «Занимательная риторика», в которой приводятся около полусотни разного рода литературных и ораторских «украшательств» на русском и французском языках. Проанализировал тексты на эсперанто – все это есть и там. Игра слов? На эсперанто – это сплошь и рядом. В том числе и во время РЭТа. Как известно, существует русский могучий и русский обидный. Так ведь и на эсперанто – то же. Есть стиль возвышенный, поэтический, а есть – «да иди ты…». Песни, традиции, ирония, пародия… Даже гимн имеется.

Чтобы не было превратного мнения – эсперантисты интересуются не только своим многогранным, но все же «малым миром». Своих слушателей собрала, например, биолог и заядлая «Что? Где? Когда?»-шница Т.Аудерская (Одесса), рассказавшая об учении Вернадского и биоценозе. Забота об экологии вообще характерна для эсперантистов, поэтому были в РЭТе и гринписовцы – например, О.Изюменко (Москва). Эсперантистов волнует и окружающая природа, и то, чтобы так называемые малые языки не вымирали (ведь вместе с ними исчезли бы и культуры), и вообще, чтобы мир был приветливым и разнообразным.



*unu el la teamoj dum KGS*

Раз пять проходили разные викторины. Одну из них провел только что вернувшийся с чемпионата мира по «Что? Где? Когда?», участник и победитель разнообразных телевизионных игр, переводчик «Евгения Онегина» на эсперанто В.Мельников (Москва). Редактор журнала российских эсперантистов и один из главных организаторов РЭТа Г.Коколия тоже появляется на голубых экранах в роли игрока. Недавно отхватил около 60 тыс. руб. у «Народа против». «Жестким диском» эсперанто-движения называют кандидата физико-математических наук сотрудника МГУ В.Ароловича. Все помнит. И тоже на телевидении поигрывает. Не уступает ему по разнообразию знаний и широте кругозора и доцент Государственного Университета Гуманитарных Наук, нынешний президент Российского союза эсперантистов Н.Гудсков. С.Деревянных (Подмосковье) постов в эсперанто-движении не занимает, но все равно интересный человек. Языки учит, как семечки щелкает. И на вен-

герском свободно говорит, и на английском, и на эсперанто, и другими владеет. Вдобавок музыкант-любитель. Врач-профессионал. Когда-то на скорой работал. Потом офтальмологом-акушером (и гинекологом!) стал (просто обе специальности освоил). Сейчас в менеджеры подался… Что называется, на все руки мастер.

«Простой люд» тоже не отсутствовал. Например, инженер Г.Беленюк (Сочи), успевшая поучаствовать в международных встречах единомышленников на всех пяти континентах, живя при этом на скромную пенсию и зарплату. Она приехала сама и сагитировала свою подругу из Финляндии. Та была полной противоположностью американцу. В свои «под семьдесят» она не только ни на что не жаловалась (а ведь даже закаленные россияне ворчали по поводу некоторых «превратностей быта» базы отдыха, приютившей РЭТ), но и постоянно восхищалась насыщенностью и разнообразием программы. Что, впрочем, соответствовало истине. Кое-кто даже сетовал на то, что разрывается от желания участвовать одновременно в нескольких мероприятиях, которые зачастую проходили параллельно.

В общем, если РЭТ и насобирал более сотни чудиков (каковыми некоторые считают вообще всех эсперантистов) из 43 населенных пунктов России, Белоруссии, Украины, США и Финляндии, то вполне приятных.


*Amika Rondo antaŭ la disveturo*

А летом 2004 г. под Ковров (правда, уже на другую, несравнимо более приспособленную для отдыха базу) выбросится молодежный десант. Здесь будет конгресс Всемирной организации молодых эсперантистов. Моя дочь уже готовится…

***А. Мельников***
***Уполномоченный Всемирной эсперанто-ассоциации,***
***адъюнкт Международной академии наук Сан-Марино,***
***кандидат филологических наук, доцент РГАСХМ***

---

**TJUMENJ FESTOS LA 30-JARAN JUBILEON DE SIA ESPERANTO-KLUBO.** Tjumena E-klubo “Revo” invitas ĉiujn dum la 06-09-a de novembro 2003 partopreni en festa aranĝo kaj konatiĝi pli detale kun la urbo kaj ĝiaj esperantistoj. Kontakta retadreso <revo-tek@narod.ru>; ttt-ejo <revo-tek.narod.ru>.




## UK: ĜENERALE KAJ ĈI-JARE

Ĉi-jara Universala Kongreso de Esperanto estis la 6-a, en kiu mi partoprenis (mi ne kalkulas la jubilean Kongreson en Varsovio en 1987, dum kiu mi ĉeestis nur duontage revenvoje de IJK). Tial mi ŝatus unue diri mian ĝeneralan opinion pri UK-oj.

Laŭ mi ĉiu esperantisto devas almenaŭ unufoje dum la vivo partopreni en Universala Kongreso. Nur tie eblas plej konvinke vidi, ke nia lingvo vere funkcias kaj bone plenumas tiun rolon, por kiu ĝi estis kreita. Nur vidinte 1-2-3 mil personojn el 50-60-70 landoj, kiuj dum semajno prelegas-diskutas-koncertas-manĝas-bierumas-kantas-babilas sen ajnaj tradukistoj, eblas poste kun certeco rakonti al la ĉirkaŭantoj pri la utileco kaj bona funkciado de Esperanto. Ĉu viziti la Kongreson la 2-3-an kaj pluajn fojojn aŭ ne, ĉiu decidas por si mem. Post la dua aŭ tria fojo mi komprenis, ke ĉiujare en UK mi vidos grandparte samajn aranĝojn kaj eĉ grandparte samajn personojn. La strukturo kaj enhavo de la kongresa programo ne multe ŝanĝiĝas (almenaŭ dum lastaj 15 jaroj). Por iu tio povas ŝajni enua kaj ne inda eksterlandan vojaĝon. Sed por mi ankaŭ tia Kongreso (kun programo, simila al la pasint-jara, kaj du-trione sama homa konsisto) estas interesa kaj, se estas reala ebleco partopreni en UK, mi ĉiam uzas ĝin. Aldona allogaĵo de la Kongreso persone por mi estas ankaŭ la riĉega Libroservo, en kiu mi ĉiufoje ampleksigas miajn E-ajn libro- kaj muzikdisko-kolektojn.

Uzante la okazon mi ŝatus mencii, ke por rusiaj esperantistoj (precipe por tiuj, kiuj ankoraŭ neniam partoprenis en tiu forumo) la plej oportuna eblo partopreni en Universala Kongreso estos post du jaroj, kiam la 90-a UK okazos en la litovia ĉefurbo Vilno. La litovaj esperantistoj jam nun tre aktive preparas la Kongreson kaj faras ĉion eblan por allogi al ĝi plej multajn partoprenontojn. Mi eĉ opinias, ke REU sukcesos (se ĝi emos) interkonsenti kun LKK pri pli favoraj aliĝkondiĉoj por organizitaj grupoj de rusiaj geesperantistoj.

Kaj nun mi iom rakontu pri la ĉi-jara Universala Kongreso, la 88-a, kiu okazis en sveda urbo Gotenburgo. La urbo mem estas sufiĉe trankvila kaj agrabla (eĉ malgraŭ tio, ke ĝi estas la dua en Svedio post Stokholmo). Vid-al-




*la dekstra ulo ofte aperas en REGo, sed la maldekstra – unuafoje; li estas L.C.Zaleski-Zamenhof*



*la podio dum Solena Inaŭguro*

vide de la kongresejo troviĝas la plej granda en Eŭropo parko kun distraĵoj kaj atrakcioj, al kiu speciale venas multaj vizitantoj eĉ el aliaj landoj. Ankaŭ la kongresanoj, kiuj venis al UK kun la infanoj, ne preterlasis tiun eblecon (ekz. Nataŝa Gerlaĥ kun sia filino Karina pasigis en la parko tutan tagon). La kongresejo mem estis laŭ mia takso meznivela – ne la plej bona nek la plej malbona inter la viditaj de mi.

La kongresa programo enhavis pli ol 150 diversajn programerojn. Se konsideri, ke inter la ok kongresaj tagoj (de sabato ĝis sabato) la unua enhavis preskaŭ nur registriĝon kaj Interkonan Vesperon, la lasta – nur Solenan Fermon, la kvina estis ekskursa (do – sen alia programo), ni povas kalkuli ke ĉiutage okazis averaĝe pli ol 30 aranĝoj. Post tio mi tute ne komprenas iujn plendojn pri tro streĉita programo en nia RET, kiam dum taga programo oni devis elekti inter 2 aŭ 3 aranĝoj. Dum Universala Kongreso oni ofte estas devigataj elekti inter eĉ 5 aŭ 6 programeroj (el kiuj minimume 3 aŭ 4 ŝajnas esti interesaj kaj nepre vizitindaj). Mi menciu ĉi tie nur la plej impresintajn min aranĝojn, ĉar mencii ĉiujn estas nek eble nek inde. Kiu iam partoprenis en UK, tiu mem havas imagon pri ĝia programo. Kiu neniam spertis la Kongreson, tiu devas nepre tion fari mem, ĉar tutegale per fremdaj rakontoj ne eblas ricevi por si adekvatan bildon de tiu granda festo.


*la Estraro de UEA respondas*

Ĉi-foje min impresis (sed bedaŭrinde negative) la vespera programo, kiu enhavis preskaŭ nenion interesan. Nur dum Internacia Arta Vespero al mi plaĉis parto de prezentoj. Ĉiuj aliaj vesperaj prezentoj (Interkona Vespero, Nacia Vespero, La Kabaredo, la teatraĵo “Aniaro”, Magia spektaklo) estis laŭ mi ne interesaj kaj ne multe pliriĉigis E-kulturon. Kompare kun ili ekz. vespera programo de nia ĉi-jara RET-03 (kvankam iom unuflanka – plejparte kanta) estas vera perlo. Sed tamen ankaŭ dum UK okazis kelkaj koncertoj, kiuj donis veran ĝuon al muzikŝatantoj, sed strange: ili okazis tage, kaj unu – eĉ matene je la 11.30. Vi povas facile konjekti, pri kies koncertoj temas – de niaj eksaj kaj nunaj samlandanoj: Ĵomart

kaj Nataŝa, Nataŝa kaj Andrej Berce (ĝuste ili koncertis matene), Andrej Korobejnikov (piankoncerto). Precipe mi ĝojis vidi kaj aŭskulti la kantojn de Nataŝa kaj Andrej Berce, kiujn mi ne vidis kaj ne aŭdis dum 13 aŭ 14 jaroj. Kredu – ili restis same talentaj kaj muzikemaj kaj same bele kantas, kiel iam en niaj tendaroj. Tre agrabla (kiel ĉiam) estis ankaŭ la koncerto de Georgo Handzlik, kiu entute okazis ekster la oficiala programo – malfruvespere en amasloĝeja bufedejo ("gufujo").

El la aliaj UK-programeroj (en kiuj mi sukcesis partopreni) al mi plaĉis la Aŭkcio (brile gvidita de Humphrey Tonkin); kelkaj kunsidoj kaj diskutoj pri la agado (nuna kaj estonta) de UEA – "Estraro de UEA respondas", "Centra Oficejo respondas", kelkaj subkomitatoj (la kunsido de UEA-Komitato mem estis ne tiom interesa), kunsido pri laboro de la Elektokomisiono; la Kvizo (kiun preparis kaj gvidis Ziko Sikosek, kaj en kiu gajnis la teamo de mi partoprenita); Aŭtoraj Duonhoroj en la Libroservo; prezento de la rezultoj de ĉi-jaraj Belartaj Konkursoj de UEA.


*Georgo Handzlik*

Kaj ĝenerale al mi plaĉis (kiel ĉiam) la etoso mem, plaĉis tuttage troviĝi inter centoj da homoj el diversaj teranguloj, parolantaj la saman lingvon. Ĝuste en tiu etoso kaj en tiuj cirkonstancoj oni povas en realo senti, kion signifas la vorto "samideanoj".

***Garik Kokolija (Moskva)***

## KELKAJ VORTOJ PRI UK

Por mi la UK estis la tria en mia vivo. Kaj, kompare al tiuj, kiujn mi partoprenis antaŭe, estis granda senreviĝo. Unue, la kongresa urbo. Mi tute ne atendis, ke la fama Gotenburgo estas vera truo! Certe, en ĉiu urbo povas esti io interesa, sed ja provinca sensignifa urbeto en postkorto de Eŭropo sen iom signifaj kulturaj, naturaj, historiaj, modernavivaj allogaĵoj kaj belaĵoj estis ja certa senreviĝo. Ne Stokholmo – nu, ankaŭ Tampereo ne estis io aparta, sed tie la kongreso estis multe pli bone organizita!

Due, la kongresejo. Formale ĝi respondis al la plej altaj postuloj por organizi tiajn grandajn aranĝojn, sed estis tiom malbela kaj maloportuna, ke mirindas, kiel ties arkitektoj sukcesis defendi siatempe tian projekton – des pli, ke onidire en Svedio ne ekzistas grandskala korupteco de la oficistoj!

Trie, la programo, kiom ĝi dependis de LKK. La


*Andrej Korobejnikov*



*Humphrey Tonkin dum la Aŭkcio*

nacia vespero estis, diference de tio kion mi vidis en Tampereo kaj Zagrebo, reĝisorita kaj plenumita tute amatore. Krome, la koncertoj estis tre malmultaj kaj ekstreme malbone organizitaj – sufiĉas diri, ke ambaŭ koncertoj de Ĵomart kaj Nataŝa okazis en maltaŭgaj salonoj! Unu el la du prezentitaj teatraĵoj estis farita de krokodil-papaga geparo en skandala lingvaĵo. Ĉu oni ne kontrolas anticipe, kiuj kaj kun kiaj prezentoj estas invitataj kontraŭ la kongresa mono? Eĉ en la internacia vespero partoprenis tute ne la plej bonaj fortoj el disponeblaj inter la kongresanoj kaj ne en optimuma proporcio.

Certe, la tradiciaj kongresaj programeroj estis bonaj kaj interesaj, kiel devas esti, sed tio neniel dependis de LKK kaj estis la impreso, ke okazis malgraŭ ĝi. Unuvorte, s-ro Silfer nun havos plenan eblecon diri, ke, se UEA fidas al tiaspeca LKK, tio estas la nova signo de la plena fiasko de "finvenkismo".

***Nikolao Gudskov (Moskva)***

## SONBILDOJ ĈE SVEDA LAGO

*Gazetara komuniko pri la 35-a Internacia Infana Kongreseto*

La sonoj de naĝado kaj akvoludoj ŝvebis ĉiutage super la lago. Poste, krioj el arbaro: "Mi trovis jam kvin!" Eĥo: "Eĉ unu suĉ-bombonon mi ne trovis… kie.. ha jen unu!". Internacia Futbala Matĉo kun komento: "Florian plusendas la pilkon al Tomoya, tiu lerte preterpasas du atakantojn, Gretel klopodas haltigi lin, sed ŝoto al golo… Kristine haltigas tion per forta piedbato – tute ĝis la alia golo!" Jen sonbildoj de la 35-a Internacia Infana Kongreseto okazinta fine de julio en Lerum (Svedio), 20 km de Gotenburgo. Ĝi arigis 27 infanojn el ok landoj (Belgio, Francio, Hungario, Japanio, Kubo, Norvegio, Rumanio kaj Svedio), la plimulto – knabinoj. Preskaŭ duono venis el E-familioj kun bona lingvoscio; tamen kelkaj havis malpli da kapablo ol la kongreseto bezonas; tiuj ekspediĝis ĉiutage al paroliga kurseto.

Kelkaj gepatroj kaj aliaj familioj kun infanoj aldoniĝis al nia ekskurso en bestoĝardeno de Borås. Alitage gepatroj, ĵurnalistoj kaj interesitoj vizitis la IIK-ejon, kaj la infanoj pretigis koncerteton por ili. Inter la IIK-programeroj estis pentrado, desegnado, kolĉena


*UK-on salutas la partoprenintoj de IIK*

farado, sportaj olimpikoj kun premioj, apudlaga fajro, du trezor-serĉoj, muzikado, dancado, seĝo-ludoj kaj la ĉiunokta endormiga rakonto, per kiu infanoj aŭskultis tutan libron: “Avinjo”.

Vizitu la IIK-hejmpaĝon por legi raportojn, kiujn la infanoj verkis, kaj vidi fotojn. En la hejmpaĝaro de UEA serĉu sub “Kongresoj”. Ni kore dankas al Aino, nia surloka gvidanto, kaj al la aliaj gvidantoj kaj helpantoj.

***Stefan MacGill (Hungario)***

## PRI LA 76-A KONGRESO DE SAT

Ĉi-jare la vica, jam 76-a SAT-Kongreso pasis en Svisio (Ĉaŭdefono) ekde la 12-a ĝis la 18-a de aŭgusto. Entute ĝin partoprenis 155 personoj el 28 landoj (3 – el Rusio). La Kongreso estis preparita de la loka OK kaj KCE (Kultura Centro Esperantista). Gravan rolon en la preparado ludis G.Silfer kaj P.Martinelli.

Necesas diri, ke la organizado estis vere perfekta. La programeroj komenciĝis precize, neniam estis teknikaj problemoj. Ĉiutage aperadis la nova numero de la kongresa “Heroldo” kun informoj pri tiutagaj prelegoj aŭ iaj ŝanĝoj de la programo. Samtempe en diversaj salonoj pasis kelkaj programeroj. Por komencantoj okazis kursoj sub gvido de A.Verraszty, paralele – kunsidoj de liberecana, ekologiista kaj aliaj frakcioj.




Inter interesaj prelegoj menciindas tiuj de E.Vargas Gutierrez “Pri la runa skribo kaj vaska lingvo”, W.Zelazny “Esperanto vidalvide al sociaj kaj religiaj pensoj”, G.Silfer “La Universala Deklaracio pri la lingvaj rajtoj”. Tre interesa parto de la Kongreso estis prezentado de japana kulturo: kuirarto, “origami”, “hiroŝiki” (paktuko). Grandan impreson lasis koncerto de lokaj artistoj, kiuj plenumis Esperante klasikan muzikon (kantojn de Schubert kaj Schumann).

Iutage por dezirantoj okazis ekskurso al la najbara urbeto Neŭŝatelo (trajne kaj aŭte). Ĝi estas pitoreska, kun multaj konstruaĵoj mezepokaj (tre bela kastelo kaj katedralo). Apudas blua, tre pura lago samnoma, la dua laŭ grandeco en Svisio. Post la ekskurso tra la urbo geesperantistoj vojaĝis al montaro por rigardi akvofalon. La ekskurson gvidis F.Degoul kaj D.Buhlmann. Ĉiutage funkciis libroservo kun la senlaca vendistino I.Magharova.

La sekva SAT-Kongreso okazos en Bratislavo (Slovakio).

***Natalia Aroloviĉ (Moskva)***

## ESPERANTISTA JUNULARO RENKONTIĜIS APUD KIEVO



Finiĝis REJo-2 (Renkontiĝo de Esperantista Junularo). Al ni venis 45 homoj el Pollando, Rumanio, Rusio, Ukrainio. La Renkontiĝo estis malfermita por ĉiuj, eĉ por tiuj, kiuj nur ekinteresiĝis pri la lingvo kaj la movado. Ĝi estis signife pli sukcesa ol la pasintjara. Poiome plenumiĝas mia revo – transdono de mia sperto pri organizo de E-renkontiĝoj al pli juna generacio – se pasintjare sur miaj ŝultroj "kuŝis" proksimume 75% de ĉiuj zorgoj, ĉi-jare la ŝarĝo reduktiĝis ĝis 50%.

Estas ankoraŭ tre interesa momento – post ricevo de la informoj pri la Renkontiĝo sian subtenon donis al ĝi la popolaj deputitoj de Ukrainio O.Omelĉenko (filo), N.Tomenko kaj L.Tanjuk. Mi esprimas profundan dankon al ili kaj esperas, ke por REJo-3 ni ricevos pli grandan subtenon.

Brile sukcesis kursoj por la progresantoj, kiujn prizorgis V.Soroka (Poltava) kaj I.Gonĉarova (Moskva). La "nululojn" prizorgis M.Lineckij. Inspiris ilin per siaj interesaj rakontoj ankaŭ J.Zajdman (Jalta). Interese kaj amuze pasis la Interkona vespero, skolta programo, ukraina nacia vesper-amuziĝo (Veĉornici) gvidita de N.Ivanova, Horo de anekdotoj kaj Intelekta ludo (M.Lineckij). Sukcesis ankaŭ pli seriozaj programeroj – "Ronda tablo" kun V.Soroka, dum kiu estis skizita lia krea vojo – de la ensemblo "Inspiro" (1982) tra Svedio, Karavano, Septima ĝis ĉi-jaraj "Arĝentaj poploj" kun "Ora somero"; viglan disputon vekis prelego de B.Muresan (Rumanio) pri ebloj de Esperanto en konatiĝo kun kulturoj de diversaj popoloj; I.Gonĉarova konatigis la ĉeestantojn kun la aŭtoraj instruaj metodikoj... Pro bedaŭrinda neveno de triono de Soroka-ensemblo (ne povis veni Slava Bondarkov), li devis iom redukti sian programon, sed egale la koncertoj estis agrable varm-etosaj.

La renkontiĝo estis ekipita per du komputiloj. Per unu el ili, laser-printilo kaj skanilo A.Krasuckij efektivigis eldonon de du numeroj de "REJ-a tago". La dua komputilo estis uzita por diskotekoj kaj ludoj. Por sukceso de la aranĝo multegon faris Olga Ŝiganskaja (estro de OK), Olga Tomazenko, Artem Melnikov – ili ĉiuj estas membroj de KEJS (Kieva Esperantista Junulara Societo).

Dank' al uzo de la rabat-sistemo du personoj partoprenis en REJo-2 SENPAGE! Jen kion donas aktiva varbado al la aranĝo. Konsideru, ke ĈIU povas "perlabori" sian partoprenon kaj ne plendi pri manko de mono. Jam estas decido okazigi REJo-3 la 01-07.07.2004. Bonvenon! Denove funkcios la sama sistemo de rabatoj! Tio estas nur skiza informo pri la aranĝo. La interesitoj povas ricevi pli vastan informon el la ttt-ejo <www.espero.kiev.ua>.

***Mikaelo Lineckij (Kiev, Ukrainio)***

## NESTO – 2003

*La 9-an de junio 2003 frumatene ie en ĝangalo apud Niĵnij Novgorod grupo de nelokaj fanatikuloj efektivigis aŭdacan provon trovi E-tendaron laŭ vojklarigo, kompilita de la organiza komitato kunaŭtore kun Susanin I. Persekutita de kularoj kaj pluvego, la grupo de frenezuloj renkontis same fidelajn al E-movado kamaradojn, akompanatajn de 2 indiĝenoj. La dua grupo vagadis jam dum 2 diurnoj, kio pruvas altan kvalifikon de Susanin I. Lacigitaj de longa vojaĝo kaj manko de suno, la turistoj aranĝis bivakon sur bordo de Luĥ. Sendita esploristaro post multhora serĉado trovis maskitan bazejon de esperantistoj, zorgeme kovritan de eskadreto de elitaj kuloj.*

***Varvara Muraŝova (Sankt-Peterburg)***

La 10-an de junio 2003 ie en ĝangalo, sur bordo de la rivero Luĥ apud Niĵnij Novgorod komenciĝis NESTO – Naturista Esperantista Somera Tendaro, al kiu venis 29 personoj. La plej gravaj kondiĉoj de partopreno estis vegetarismo, nedrinkado kaj nefumado, nudismo ankaŭ estis bonvena.



Ĉiuj, kiuj decidis testi siajn fortojn kaj eblojn en tiuj severaj kondiĉoj, estis dividitaj en 2 birdarojn, kiel poste evidentiĝis – birdaron de strigoj kaj birdaron de "krokukoloj" (krokodilaj kukoloj, ĉar malmultaj personoj el tiu teamo bone parolis Esperanton). De la unua tago la du birdaroj konkuradis pri bruligado de fajroj kaj estingado de incendioj, konstruado de nestoj kaj detruado de malamikaj nestoj, kuirado de vegetara manĝado kaj montrado de sia feliĉo pro malesto de viando (ankaŭ de ovaĵoj, laktaĵoj kaj drinkaĵoj).

Laŭ ĉefa ideo de la tendaro, post la semajno nestanoj devis havi multegajn sciojn kaj konojn pri elvivado en severaj kondiĉoj de sovaĝa naturo. Pro tio multaj taskoj estis ligitaj kun orientado en arbaro, transsendado de informo per lumsignaloj, moviĝo en interkrucejo kun fermitaj okuloj, sekvante nur la komandojn de samteamanoj. Ni povas konstati, ke homoj, venintaj al nia tendaro, estis bone preparitaj al obstakloj korpe kaj anime, kaj malsukcesoj ilin absolute ne konfuzis. Imagu nur: kiam orientiĝante en arbaro ili anstataŭ horloĝoj, filmoj, kalkuliloj kaj suko (kion ni... ne tro bone kaŝis) trovis armean bazejon, ili ne tre ĉagreniĝis, kaj revenis en la tendaron kun manoj plenaj de gasmaskoj kaj grenadoj (certe porinstruaj).

Al Niĵnij-Novgoroda nesto kun siaj gepatroj venis 5 infanoj kun la aĝoj de 1 ĝis



*simbolo de krokukoloj*

6 jaroj. Por ke ili pli frue kaj facile ekdormu vespere, birdaranoj kreis novan ĝenron de nokta fabelo. Jen kiu estis la tasko: teamanoj ricevis po laserindikilo kun 10-12 kapoj, donintaj diversajn desegnojn, kaj uzante laŭeble pli da ili, la birdaranoj devis montri kaj rakonti fabelojn. Mi ĝis nun memoras duonhoran fabelon pri juna paŝtisto, kiu volis iĝi kosmonaŭto, pro kiu Aleksandr Ĥrustaljov gajnis la solenan titolon de "Rakontisto-fabelisto de NESTO".

En paŭzoj inter kruelaj turmentoj nestanoj amuzis sin, partoprenante la konkursojn pri korpopentrado, naturkostumo, figuro el sablo. Unuafoje en mia vivo mi vidis, kiel korpopentritaj personoj dum 40 minutoj staris ŝultro al ŝultro sub tegmento por protekti la arton kontraŭ pluvego. La plej kreemaj personoj de la tendaro iĝis Alisa Ŝoliĉeva el Ivanovo (ŝi gajnis en la korpopentrado) kaj Lera Puŝkarskaja el Dimitrovgrad (si faris la plej belan kostumon el lapoj kaj kariko).

Por ke la vivo en la tendaro ne ŝajnu al nestanoj tre facila, ni organizis septagan konkurson "Ora Skribilo". Ĉiu teamo devis ĉiutage skribi raporton pri la pasinta tago. La titolon, oran skribilon kaj la rajton komenci ĉi artikolon gajnis Varja Muraŝova el Sankt-Peterburg.

Ĉio estus tro bona, se ne ekzistus tri grandaj problemoj de la tendaro: kuloj, pluvoj kaj la rivero, kiu paŝo post paŝo strebis okupi la grandan fajrolokon. Eĉ la vortoj de Lena Alopina (ŝi ĵus revenis el Karelio kaj diris: "Tie estas multe da kuloj, sed estas ankaŭ lokoj, kie ili malnombriĝis – kiel ĉi tie") nin ne konsolis. Kaj finfine ni komprenis, kial tio okazis! Kiam ni venis al la loko, ni plene forgesis amikiĝi kun lokaj dioj – ĉu eblas sen tio loĝi en arbaro? Pro tio nestanoj festis "Ekvatoron" – mezon de la tendaro – tiel: kantis himnon de bona vetero, donis oferaĵojn al dioj kaj forpelis la malican spiriton el la rivero. Vi rajtas ne kredi, sed post tio eĉ kuloj preskaŭ malaperis kaj ni sunbruniĝis kiel veraj ekvatoruloj.



*Libera Birdaro – la organizantoj*

Sed ne forgesu, ke NESTO havis la programon "La lasta heroo", kio signifas, ke homoj partoprenis la programon por gajni la titolon kaj grandan monsumon – 100 dolarojn.

Uzante la eblecon, membroj de la klubo "Ĉapelo" volas danki sian sponsoron – INOE (Internacia Naturista Organizo Esperantista), kiu subtenis la tendaron per multegaj mon- kaj aĵ-premioj.



Laŭ la reguloj de tendaro ĉio, kion faris la teamoj, estis pritaksita de Libera Birdaro (organiza teamo). Inkluzive ĝustatempan vekiĝon, kuiradon, venon al programeroj, partoprenon, Esperanto-paroladon ktp.

Ĉi tie vi devas demandi, kiel eblas pritaksi E-paroladon, se ne ĉiuj posedas la lingvon. Jes – respondos ni – ni trovis eblon. Unue, ĉiumatene birdaroj ricevis listojn de frazoj, kiujn ili devis uzi en teatraĵetoj, dialogoj, rakontoj, "lumbildoj" post... 45 minutoj. Kaj se dum la unua tago ĉiuj teamanoj plenumis la taskon kune, poste nur nululoj kaj komencantoj rajtis ion montri aŭ prelegi kaj neniu krom spertuloj el ilia birdaro povis al ili helpi. Ni ne nomis tion E-kursoj, ni diris: "esperanteroj"; kaj tiuj esperanteroj finiĝis nur vespere, kiam ni kontrolis la "ellernadon" de tiuj vortoj kaj frazoj en mallongaj ludoj. Certe ege helpis ĉeesto de Ivo Miesen en striga nesto – li ruse nenion komprenis (aŭ pretendis tion), pro tio eĉ la plej obstinaj krokodiloj post du-tri vanaj provoj komunikiĝi kun li kraĉis kaj ekparolis Esperanton.

Ĉiutage dum vespera rondo libera birdaro premiis la heroojn de la tago kaj donis al la teamoj diverskolorajn poentojn. Dum la lasta vespero ĉiuj partoprenis elektadon de la lasta heroo, sed laŭ la reguloj li aŭ ŝi povas esti nur membro de la venkinta teamo. Laŭ la kvanto de poentoj gajnis la teamo de krokukoloj, kaj duono de voĉoj estis donita al Andrej Konopljanov el Dimitrovgrad, kiu iĝis "La lasta heroo".

> Mi forgesis pri mia laboro kaj ĝuis periodon de plena trankvileco. Bedaŭrinde mi ne povis "provludi" antaŭe, ĉar en Eŭropo ekzemple fajrado estas malpermesita. ***(Ivo Miesen, Nederlando)***

Niĵnij-Novgoroda klubo "Ĉapelo" dankas ĉiujn nestanojn pro aktiva partopreno, ĝustatempaj vekiĝoj, bongusta kuirado, altnivela E-parolado, sufiĉe agrabla vetero kaj nekredeble bona etoso. Al ni ŝajnas, ke ni faris la plej interesan kaj neordinaran someran esperantistan renkontiĝon. Ni esperas gastigi vin ĉiujn en nia NESTO-2004, sed kio ĝi estos – ankoraŭ estas sekreto...

***Jelena Akimova (Niĵnij Novgorod)***

---

> Ĉe <www.aliaflanko.de/urbo/> troveblas kolekto de esperantlingvaj urboinformiloj tra la tuta mondo, kiu povus utili por disvastigo de Esperanto, same por informi pri la propra urbo kaj klubo. Ĉiu povas kunlabori per aldono de ligilo aŭ teksto kun/sen fotoj. ***(NUN)***

# LINGVA FESTIVALO EN ĈEBOKSARI – JAM LA 8-A

***JEAĈR invitas***

Ni plezure informas vin pri organizado de la ĉefa aranĝo de Junulara Esperanto-Asocio de Ĉuvaŝa Respubliko. Tio estas festo de internacia komunikado, dum kiu ĉiuj popoloj kaj lingvoj estas samrajtaj kaj bonvenaj. En Ĉeboksari ĝi okazos jam la okan fojon. Nomo de tiu elstara, mirakla, ĝojpleniga aranĝo estas Lingva Festivalo!

Ĉi-jare la Festivalo havos temon – “Oriento-Okcidento”, ni strebos montri al la partopenantoj ke ambaŭ mondopartoj estas nur eroj de nia granda planedo kaj ke iliaj kulturoj estas en konstanta dialogo kaj interinfluo, kaj certe ni prezentos buntecon de lingvoj kaj kulturoj de Oriento kaj Okcidento.




*LF-7: la organizantoj kaj la gastoj en Ĉeboksara radio*

Ni (ĥ/k)ore vin invitas al nia bela urbo partopreni en la 8-a Internacia Lingva Festivalo. Ĝi okazos la 17-19-an de oktobro 2003.

Kiel kutime ni promesas al vi: trovi lokojn por loĝi (senpagajn aŭ pagendajn, sed ne pli ol 50 rubloj por nokto), ne permesi al vi morti de malsato, senpagan partoprenon (sed se vi ekvolos helpi al ni permone aŭ permane, ni estos “por”), ekskurson en la kultura ĉefurbo de Volgia regiono en 2003, renkonton kaj adiaŭon. Krome, kiel aldono, estos bona etoso kaj multaj E-konatoj. Nepre venu! Ni speciale invitas vin, karaj eksterlandaj amikoj! Via partopreno povas pliriĉigi kaj multkolorigi la Festivalon.

Ĉi-jare la programo de LF daŭros 3 tagojn. Unuatage (vendrede) estas planataj: solena surstrata malfermo, renkontiĝoj kun honoraj gastoj, gazetara konferenco, konkurso inter studentaj grupoj pri la temo “Oriento-okcidento”. Dum la dua tago (sabate) estos solena malfermo de ĉefa programo, lingvaj prezentoj, konkursoj, internacia diskoteko, matineo por instruistoj kaj gastoj. La tria tago daŭrigos vicon de prezentoj, enhavos konkursojn kaj finiĝos per Internacia Koncerto. Ne malpermesatas kontribui al ni dum la Programo per konkursoj, lingvoprezentoj, teatraĵetoj, instruist-provizoj ks.

Amikoj! Vi ĉiuj estas bonvenaj! Por demandi kaj informiĝi vi povas kontakti: Konstantin Viĥrov – <vihrov@inbox.ru>, (8352) 202883(h), (902) 3272274 (por kurtaj mesaĝoj); Aleksandra Fedotova <e-centro@yandex.ru>, (8352) 562029 (h).

***(E-rus-informoj)***

## StRIGo-9: “PEDAGOGIAJ LUDOJ”

Saluton al vi, kara StRIGanaro!
Al vi, novicoj kaj la naskiĝontoj,
Al vi, saĝuloj kun arĝent-plumaro,
Al vi, spertintaj parton el renkontoj!

Do, jen por vi nek frua, nek malfrua
Pri StRIGo-9 letero la unua.

***KIO:*** ***Studa Renkontiĝo de Iniciatema Generacio (StRIGo).***
***KIOMA:*** ***la 9-a, antaŭlasta.***
***KIAM:*** ***la 06-09-an de novembro 2003.***

KIU organizas: MASI kunlabore kun REU kaj vi per viaj diversspecaj kontribuoj.

KIU partoprenos: vi, karaj! kaj ni; ankaŭ viaj kaj niaj geamikoj, ne nepre esperantistoj. StRIGo restas malfermita por ĉiuj dezirantoj, speciale por studentoj kaj gejunuloj.

KIO nepras: la obeo al la StRIGaj leĝoj: PARTOPRENO tra la tuta labortago en la programeroj; TAGORDO (matena vekiĝo ĝustatempa; nemalfruiĝo al la aranĝoj); LINGVA DISCIPLINO (sia por ĉiu lingva kategorio); ETIKO (la seka leĝo, neblasfemado kaj toleremo).

KIE: en la antikva urbeto Bogorodick, situanta 4 horojn da veturado de Moskvo, apud Tula (de ĝi – 1 horon da veturado elektrotrajne); proksimas (15 min. piede) aŭtovojo Moskva-Voroneĵ – speciale por petveturontoj. Ni loĝos en lernejo, sur faldlitoj kun tolaĵoj. Ni manĝos en la lerneja manĝejo aŭ memzorge.

KIOM pagi: la baza kotizo estas 150 rubloj por rusianoj, 10 eŭroj por okcidenteŭropanoj (plus pripago de la invitletero), 60 rubloj por ukrainianoj, por alilandanoj – laŭ interkonsento. Antaŭvidatas rabatoj pro kontribuoj. Cetero – laŭ privata interkonsento. La 3-foja manĝado en la lerneja manĝejo kostos 100 rublojn tage.

Pri KIO: pedagogio estas la arto instrui kaj eduki. Tion eblas fari netradicie, ludante aŭ kvazaŭ ludante. Tiel eblas instrui ion ajn. Intercetere, ankaŭ Esperanton kaj esperantologion. Pensu, kion vi povas instrui al ni ludante aŭ maltradicie? Kaj proponu por la programo – dum ĝi ankoraŭ ne estas plenŝtopita!

KIO en la programo: tradiciaĵoj (kiujn ni ne menciu) plus novaĵoj, inter kiuj: prepariĝo al la rusia IJK – psikologiaj ludoj – esplorado de sonĝoj – ornamado de la Orienta Korto laŭ “fen-ŝuj” – metiejo pri tea ceremonio – memeldonado de libroj – rokgrimpado – puntoplektado kaj... (daŭrigu la liston!).

KION kunpreni: ludojn kaj lud-metodojn, per kiuj oni povus lerni aŭ praktiki E-on aŭ/kaj esperantologion, tabloludojn plej diversajn – por StRIGa ludoteko.

Do, ŝajne, por la unua salut-invito sufiĉas... Permesu al ni ne nomi ĉi tie la 10 teamanojn kaj 20 aliulojn, kiuj jam anoncis sin partopreni. Senhezite aliĝu kaj aligu viajn geamikojn, skribante (<strigo@land.ru>) aŭ telefonante (095-5930575) al ni!

***La organizantoj***

## KOMPRENI KAJ KOREKTI

***du historiaj eraroj de E-movado daŭras ĝis nun***

**Antaŭparolo de la aŭtoro**

Komence mi planis publikigi ĉi artikolon en la revuoj "La Ondo de Esperanto" (LOdE), kiun oni legas ankaŭ okcidente, kaj en "Eventoj" (Ev). Sed intertempe Ev malaperis. La redakcio de LodE je mia peto publikiĝi ĉe ili sen enhava kaj stila redaktado respondis jene: "Nia ĉefa problemo estas, ke ni havas tro multajn aŭtorojn kaj tro multajn artikolojn – ni ne serĉas novajn autorojn… Tial vi ne erarus, se vi verkus por aliaj gazetoj." Do, mi decidis aperigi la artikolon en "La Gazeto" (por la eksterlando), kie ĝi aperos unue, kaj en REGo, kies redaktoro lasas la enhavon kaj stilon je la aŭtora respondeco. Tio al mi imponas.

* * *

Ĉiam pli multiĝas esperantistoj, kiujn zorgigas la ĉuprogreso de la e-movado. Plej multaj el ili serĉas/trovas kialojn de la neprogreso aŭ malrapida progreso ekstere. Mi opinias, ke la eksteraj kialoj influis certagrade la nesukcesojn de la movado, sed eble ni mem kulpas indaparte? Ni provu vidi la memkritikan vidpunkton.

La e-movado naskiĝis kaj ekfortis ankoraŭ ĉe la vivo de L.Zamenhof. Kaj kompreneblas la aspiroj de nia majstro je rapida disvastiĝo de lia lingvo. Sed Zamenhof, maturiĝante kaj spertiĝante, ne jam antaŭvidis la rapidan venkon de e-to. Jam en 1901 li skribis: "Estas vero, ke Esperanto havas nun la plej bonajn kaj brilantajn esperojn por la estonteco: kaj tamen... mi ne estas optimisto!… Lingvo internacia fortikiĝos por ĉiam nur en tia okazo, se ekzistos ia grupo da homoj, kiu akceptus ĝin kiel sian lingvon familian, heredan. … Hereda lingvo de la plej malgranda kaj plej sensignifa popoleto havas vivon multege pli garantiitan kaj neestingeblan, ol senpopola lingvo, kiun uzus eĉ milionoj da homoj."[1]

Ĉu la movado havis ŝancon krei tian popoleton? Laŭ mia opinio – havis, sed disipis la energion precipe por disvastigi la e-gramatiko-scion. Tial la popoleto, alivorte e-komunumo, kreiĝis tro malgranda kaj preter la e-movado, nome el tiuj soluloj, kiuj sukcesis plu-lerni la estiĝantan e-kulturon kaj iuj mem kontribuis por ĝi.

Inter la indicoj de la popolo oni mencias, kiel la plej gravajn: propra teritorio, unu sama lingvo, komunaj historio kaj kulturo, kuna ekonomio… Ekzistas ankaŭ, kiel escepto, popoloj diasporaj, kiuj kunteniĝas nur dank' al samaj lingvo kaj kulturo. Nome tio povus iĝi la geesperantistaro, se la movado pli atentus la ideojn de Zamenhof, eĉ se sub la marko de hilelismo. Ne, la movado volis konkeri la mondon kaj rapidis produkti grandan kvanton da e-parolantaj. Eĉ se e-balbutantoj! La movado impetis disvasten, sed ne pliprofunden.

La movado celis la kvanton, sed ne la kvaliton. Rezulte tra la jaroj hom-milionoj e-lernis kaj foriris, ĉar la nura e-parolado, eĉ interkomunikado tramonda, ne kreas popolet-anojn, sed aspektas libertempo-pasigo. Aspektas, kiel se iu popolo instruas al siaj infanoj nur lingvon parolan kaj skriban en la unua klaso de elementa lernejo kaj poste en-stratigas tiujn kaj prenas novajn por instrui la samon. Kaj tio

[1] Literatura Foiro, 190, p.60-61 (represita el: Zamenhof L.L., Originala Verkaro, editoris J.Dietterle, eld.Ferdinand Hirt & Sohn, Leipzig 1929, p.323).

anstataŭ instrui la samajn plu en la dua, tria ktp klasoj de la lernejo. En Esperantio nur iuj soluloj, foje talentaj, hazarde lernis plu memstare, formante la menciitan e-komunumeton. "Multrilate Esperantujo tre similas al subevoluinta lando. En ĝi ekzistas tre klera elito kaj sufiĉe vasta publiko esperantlingve preskaŭ analfabeta. Kaj inter ambaŭ popoltavoloj mankas la perantoj: ne ekzistas minimuma instruado en la publikaj lernejoj kaj do la necesaj instruiloj. Kaj la laboro, kiu efektiviĝas en la lokaj grupoj estas tre supraĵe elementa kaj mankohava."[1]

Nome e-komunumo permesis, ke la lingvo elvivu malgraŭ du ĉion-ruinigaj mondmilitoj… Sed la movada taktiko eĉ post cent jaroj pludaŭras la sama: lingvo-instruado, foje lingvo-uzado disvasten, apelado al la ekstera mondo kaj nenion plu. Nur dank' al apartaj personoj kreiĝis nur kelkaj(!) e-kultur-centroj tra la tuta mondo. Vidu ni la rezulton el la ekstermovada flanko. Tiuj hommilionoj, perdiĝintaj el e-to, kunportis kun si ege palan bildon de e-to kiel fenomeno. Ja paroli la lingvon prezentas nur ĉirkaŭ dekon da procentoj el la centprocento da e-valoroj. Estas same, kiel vidi iun faman pentraĵon tra vualita vitro kaj poste rerakonti la palan viditaĵon... Kaj tiu pala bildo de e-to disvastiĝis pere de la perdiĝintoj tra la tuta mondo. Tiun palan bildon disvastigas ankaŭ fojfojaj artikoloj pri esperanto, ja kiom oni povas diri sur tiu ege limigita gazet-spaco?

La veran bildon pri esperanto povas doni nur la esperantisto, kiu krom e-interkomuniki scias/uzas ankaŭ ĉiujn aliajn valorojn de la lingvo kaj komunumo kiel fenomenoj. La veran bildon de esperanto donas nur la vivo de la tuta e-komunumo, sed neniu deekstere bone vidas ĝin. Ĉar la komunumon necesas partopreni por ĉion sperti. Nur tiam homo komprenas ĉion. Se la e-komunumano sukcesas entuziasmigi iujn al e-kursoj, tiuj poste ne povas veni al la komunumo pro la neekzisto de menciitaj supre dek "klasoj" (ŝtupoj) de la por-e-komunuma edukado. Krom apartaj soluloj, kiuj nur kompensas (parte) formorton de maljuniĝintaj e-komunumanoj.

Sekve tiu e-instruado disvasten (sed ne profunden) evidentiĝas nur kontraŭ-esperanta. Imagu la bildon: du junaj personoj strate vidas anoncon pri e-prelego/kurso. Unu el ili, ekz. vilaĝano, tuj proponas al la alia: "Iru ni vidi kio estas tio". "Ha, – respondas la dua. – Mi lernis iam, eĉ parolis, kaj kio do?" Aŭ: "mia patro (najbaro, amiko, samgrupano ktp) lernis – kaj kio do? – venis kluben kaj forkuris pro la enuo". Antaŭnelonge mi havis brilan pruvon de tiu bildo en Sankt-Peterburg. En Scienca Konsilio de Sciencista KulturDomo oni traktis ĉuaperon de e-klubo. Inter la deko da profesoroj nur du kunpuŝiĝis iame kun e-to. Unu el ili lernis kaj eĉ partoprenis unu UK-on kaj la alia ĉiam volis lerni, sed ne trovis oportunan tempon. Provu diveni kiu el tiuj du aktive subtenis la ideon fondi e-klubon tie?… Jes, vi divenis, nome tiu, kiu neniam lernis. La alia nur skeptikis… Se la tuta Scienca Konsilio konsistus el iamaj e-lernintoj mi apenaŭ sukcesus elkonvinki permeson, ke la Sankt-Peterburga e-klubo povu kunveni ĉe ilia KulturDomo.

Mi konkludas: la plejmulto da perdiĝintaj pro la nefinlerno postkomencantoj iĝas malreklamantoj de esperanto.

---

[1] Literatura Foiro, 175, p.254.

Alia granda eraro de la e-movado estas neglekti la rolon de e-kluboj tra la tuta nia nelonga historio. Mi kun mirego konstatis antaŭ nelonge, ke ni ne havas eĉ unu pli-malpli seriozan libron pri la kluba vivo/laboro. Sed tio ja estas veraj scienco kaj arto! La kluboj ja estas bazo de la e-movado! La kluboj ja estas ĉeloj de nia komunumo!… Ni eĉ pri la katoj (faka grupo) okupiĝas, sed pri la kluboj – ne!

La reala vivo ĉirkaŭ la kluboj jam kelkfoje ŝanĝiĝis komplete, sed ni klubumas same kiel antaŭ 80 aŭ pli da jaroj! Eĉ ne unu internacia konferenco pri tio, kiel fari la klubajn kunvenojn interesaj! Sekve ni perdas eĉ tiujn, kiuj malgraŭ la pala bildo pri e-to klub-vizitas komence sed post enuegaj kunvenoj definitive foriras de ni. Kaj ni en la kluboj precipe "svingas" aŭ "gratas" la langojn, aŭ "fritas aeron", aŭ "maĉas ĉifonojn" (k.s.) pri diversaj temoj.

Delongege eblus ellabori proksimumajn programojn de laboro por diversaj tipoj de e-kluboj, kiuj entenus kaj klerigan (E-kulturo) kaj informan kaj distran k.a. karakteron. Necesus ke ĉiujare klubestroj en iuj kunvenoj interŝanĝu sperton de kluba vivo/laboro. Siatempe ni tion faris en SEJM[1] kaj la kluboj laboris plejparte interese, la movado (junulara) ĉiam pli kaj pli vastiĝis. Nun oni klarigas tion per aliaj kialoj, sed la vero estas, ke ni, tiam-sovetianoj, preskaŭ ne havante kontaktojn kun la ekstera mondo, sukcesis elformi pli-malpli modelan kluban vivon kaj iasencan e-identecon. Rezulte ni havis tute interesan e-vivon...

Fariĝu leĝo, ke se ni instruas iun grupon pri esperanto, la instruisto(j) devas ellasi tiun grupon nur post kiam instruos laŭeble ĉion, rilate esperanton kiel fenomeno. Nur-gramatikon/parolon prefere ne instrui entute, aliokaze la perdiĝintoj dissemas ĉirkaŭ si nur skeptikemon pri esperanto. Ni havu malpli da kursoj, sed pli kvalitajn kursfinintojn. Ni bezonas programojn de instruado sur ĉiuj ŝtupoj de e-klerigado por niaj "dek klasoj" (kiel en normala ŝtata lernejo). Nur kiam la grupo pasos ĉiujn "dek klasojn" oni lasu la grupon klubiĝi aŭ aliĝi al e-klubo. Aŭ/kaj pluinstrui postkursanojn enkadre de e-klubo. Gravas nur instrui ne mekanike, kiel ofte en lernejoj, sed inventeme, nealtrude, kun konkursoj, ŝercoj, ridoj kaj bonhumoro…

Necesas urĝe ekokupiĝi pri reformoj en la klubaj vivo/programo. Bezonatas diskutaj forumoj pri tiu problemo, konferencoj, artikoloj, libroj ktp. Ni kolektu poere pozitivan sperton de klubaj programoj kaj disdonu al la klubestroj.

Oni foje diras, ke la kluboj estas jam tre malmoderna formo de socia vivo. Jes, ja, sed nur se konsideri ege malnoviĝintajn programojn kaj laborstilojn. Se ŝanĝi la enhavon, eblas ankoraŭ uzi kluban formon de e-vivo/laboro. La homoj tra miljaroj estis emaj grupiĝi kaj mi ne vidas, ke tiu emo tre malaperas. Eĉ malgraŭ Internetio.

Se oni scias, kiom intereso-kapte pasas la kluba vivo, oni fojon semajne deŝiros sin de la komputilo por iri ĝui la klubajn etoson kaj malenuan diversfacete-riĉan programon.

*(prelegita kun pozitiva akcepto en la berlina E-rondo "Maldekstra Forumo")*

***Anatolo Gonĉarov (Krasnojarska reg.)***

---

[1] Sovetia Esperantista Junulara Movado (neoficiala junulara e-organizaĵo, 1965-1979)

# EBLOJ DE ESPERANTO KIEL LINGVO DE SCIENCO

***sperto de rus-korea arkeologia ekspedicio en Monta Altajo***

Ĉi-julie estis efektivigita scienca ekspedicio, en kiu Esperanto servis kiel lingvo de diskutoj. Ĝi estis rus-korea histori-arkeologia ekspedicio en Monta Altajo.

Pasintjare korea profesoro So Gilsu, bone konata al rusiaj esperantistoj, plian fojon vizitis Novosibirskon. Akompane de novosibirska esperantisto V.A.Sibircev li traveturis kelkajn okcidentsiberiajn urbojn, inkluzive Gorno-Altajskon. Profesoro So vidis multon interesan, precipe lin logis petroglifaj esploroj en Altajo, etnografio kaj certe la naturo. Reveninte Novosibirskon, li ekdeziris renkontiĝi kun la konata esploristo de altajaj petroglifoj, profesoro Kubarev el la akademia Instituto de arkeologio kaj etnografio. Ekfunkciis la esperantistaj kontaktoj, kaj mi sukcesis aranĝi tian renkontiĝon jam post 3-4 horoj. Dum ĝi Vladimir Dmitrijeviĉ Kubarev ankoraŭ pli interesiĝis kaj eĉ intrigis la gaston, kaj mia interalie eldirita propono: "Do faru ni ekspedicion sekvasomere!" – trovis favoran grundon.

La grundo evidentiĝis eĉ pli fekunda, kiam ni konstatis, ke la kosto de tia ekspedicio estos ridinde malgranda. Malgraŭ ke je la komenco de la ekspedicio ties anaro kreskis de 3-4 personoj ĝis 8 kaj eknecesis du aŭtoj anstataŭ unu, la sumaj kostoj estis ege modestaj.



Profesoro So Gilsu, direktoro de la organizita de li Instituto de Kogurio (historio de la antikva korea ŝtato), venis akompane de sia malpli aĝa frato So Jinsu, profesoro de Seula Universitato, kiu ankaŭ estas esperantisto kaj interesiĝas pri korea historio kaj antikvaj ŝtonskribaĵoj. Kun ili estis Cung kaj Kim – studentoj pri antikva korea historio, kiuj krom la gepatra lingvo posedis nur la ĉinan kaj pro tio dum la tuta ekspedicio ĝentile silentadis.

La rusian flankon konsistigis same kvaropo. La scienca gvidanto de la ekspedicio kaj samtempe ŝoforo de unu el niaj du aŭtoj estis la 58-jara arkeologo profesoro Kubarev, kiu pli ol 40 jarojn laboris en Monta Altajo – komence kiel meteologo kaj ŝatanto de antikvaĵoj, kaj poste, laŭ insisto kaj beno de akademiano A.P.Okladnikov, kiel profesia arkeologo. Dum tiuj jaroj li esploris Altajon pli bone ol iu ajn, multaj liaj trovaĵoj estas en muzeoj de Barnaulo, Bijsko kaj Gorno-Altajsko. Lin konas preskaŭ ĉiuj mont-altajanoj, interesiĝantaj pri historio de la regiono. Mi mem, estante profesie malproksima de la arkeologio, sed sentante

amatoran logiĝon al ĝi, rolis en la ekspedicio kiel interpretisto. Dank' al tiu malfacila por mi tasko mi finfine sukcesis dum tri semajnoj transiri el la kategorio de eternaj komencantoj, al kiu mi apartenis pli ol jardekon, al la kategorio de fluaj babilantoj. Kune kun la lecionoj de Esperanto, kiujn donis la fratoj So, mi aŭskultis ĉiutagajn prelegojn pri historio fare de la nelacigebla Kubarev. La tria rusia ekspediciano estis Jurij Vasiljeviĉ Polumiskov, antaŭe profesia alpisto kaj ĵurnalisto, longtempe laborinta kun Okladnikov, kaj nun – pensiulo, kiu kun sia persona kamiono dungiĝis por ankoraŭfoje viziti konatajn lokojn. La sola virino en la ekspedicio estis geologo Irina Negoda, decidinta pasigi parton de sia feriado en Altajo kiel kuiristino.

La intelekte streĉa ekspedicio bezonis konstantan sciencan komunikadon, kiu povis esti nur en Esperanto. Rezulte ankoraŭ tri personoj eklernis ĝin. La sukcesoj de la du studentoj estis malpli evidentaj ol tiuj de Irina, kiu jam sekvamatene invitis koreojn kaj rusojn matenmanĝi per jena frazo: "Bon vola zavtrak!". Kvankam dum la tri semajnoj neniu el la triopo sukcesis ekposedi la lingvon, ĉiuj ekspedicianoj havis antaŭ la okuloj elokventan ekzemplon de ĝia viva uzado. Kaj ne nur ili. Ni renkontiĝis kun kelkaj grupoj de arkeologoj, kun studentoj kaj muzeistoj, kun instruistoj kaj ordinaraj homoj. Ili ĉiuj montris sinceran intereson al Esperanto, kiun multaj unuafoje aŭdis aŭ eĉ unuafoje eksciis pri ĝi. Ĉi-rilate nia ekspedicio estis bonega propagandilo de Esperanto. Ni ne estis enfermitaj interne de nia grupo, kiel ofte okazas en E-renkontiĝoj. Male, ni konstante kaj intense kontaktis plej diversajn homojn, pridemandis ilin, aŭskultis iliajn rakontojn, dum ili povis aŭdi Esperanton.



La ekspedicio evidentiĝis ege riĉa ne nur pri arkeologiaj materialoj, sed ankaŭ pri etnografiaĵoj. Traveturinte la tutan Ĉujan vojon (Чуйский тракт), ni sukcesis vidi ĉiujn plej interesajn kaj gravajn surrokajn desegnaĵojn de prahomoj. Ni esploris multajn tumulojn de plej diversaj epokoj. Ni observis strangajn, ĝis nun ne priskribitajn science ringajn ŝtonkonstruaĵojn – grandegajn, dise situantajn laŭ la perimetro de Ĉuja stepo. Ni trovis antikvajn steleojn – "cervajn ŝtonojn" kaj ŝtonfigurojn en ilia natura medio: inter stepoj kaj montoj, sed ne ĉe muzeaj muroj – vere, tio estas tute alia percepto. Ni vizitis preskaŭ ĉiujn nun kultajn lokojn de Monta Altajo, inkluzive la plataĵon Ukok, iĝintan Mekko por sciencaj turistoj de la tuta mondo, dank' al esplorfosadoj de arkeologo Natalja Polosjmak. Ankaŭ la koreaj sciencistoj deziris nepre trafi la plataĵon, kio kostis du tagojn da pezega vojo kaj romantikon de aresto ĉe la ĉinia limo.

Vere, la incidento pri rompo de la ŝtatlimo solviĝis eksterordinare facile: oni liberigis nin jam sekvatage, sed tio multe pliriĉigis la impresojn. Profesoron So Gilsu pleje surprizis tio, ke je lia demando pri observo de la Ĝeneva konvencio koncerne arestitojn (precipe pri nutrado, ĉar niaj proviantaĵoj ne estis planitaj por longe, kaj tio ege maltrankviligis la profesoron) mi respondis, ke la oficiro, arestinta nin, unue citis regulojn el ĝuste tiu konvencio kaj nur post tio gardigis nin.

Sed profesoron So Jinsu pleje impresis ne la aresto, nek eĉ neĝaj pintoj de montoĉeno lime de Rusio, Ĉinio kaj Mongolio, sed la montara stepo, surkreskita nur de herbo, tute senarba, eĉ julie iuloke neĝkovrita. Por subtropikanoj tio estas vere alia planedo. Ni vizitas kazaĥajn kaj altajajn jurtojn, sidis sur tapiŝoj kaj trinkis kumison, tondis ŝafojn kaj rajdis sur ĉevaloj – unuvorte, faris ĉion, kion devas fari ekzotikema turisto. Tamen tiuj etnografiaj ekzotikaĵoj estis en nia laboro tre malmultaj, la esencon de la ekspedicio konsistigis arkeologiaj esploroj, kiuj, ekskluzive dank' al nia ĉiĉerono kaj gvidanto Vladimir Kubarev, evidentiĝis plej maksimume plenaj kaj elĉerpaj.



Por profesoro So Gilsu la ekspedicio estis kolektejo de materialoj por nova libro pri Rusio (antaŭ pli ol 10 jaroj li estis la unua koreo, traveturinta Transsiberian fervojon kaj verkinta pri la vojaĝo libron por koreaj legantoj). La libro estas planata kiel scienc-populara, adresita unuavice al potencialaj turistoj kaj sciencistoj, interesiĝantaj pri arkeologio, historio kaj etnografio de Centra Azio. Rezulte akumuliĝis tioma kvanto da video- kaj fotomaterialoj, taglibraj notoj kaj intervjuoj, ke fine de la ekspedicio la profesoro estis perpleksita: li devos preskaŭ jaron dediĉi al priskribo de la vojaĝo kaj ordigo de la materialoj pri ĉio observita en ĝi.

Revenvoje, jam inter Barnaulo kaj Novosibirsko, ambaŭ koreaj profesoroj unisone petis akcepti ilin sekvajare ankoraŭfoje. Ilin ne ĝenis manko de kutima nutrado, en kiu herboj pli abundas ol viando kaj makaronioj (ja Irina strikte observis la geologiajn kuirtradiciojn ankoraŭ soveti-tempajn: nudeloj kun makaronioj kaj stufviando maten-, tag- kaj vespermanĝe), supo estas konsumata matene kaj vespere – nur varma akvo. Ne ĝenis ilin ankaŭ tio, ke laŭ la sama rusa ekspedicia tradicio dum la tri semajnoj ili ne laviĝis, ne ŝanĝis la subvestojn kaj la ŝtrumpetojn purigis per reversado. Tio, kion ili vidis kaj spertis, estis pli forta ol la stomakaj kaj haŭtaj bezonoj. Ja ĝuste por tio oni ekspedicias.

***Jurij Plusnin (Novosibirsk)***
***tradukis Viktor Aroloviĉ (Moskva)***

## AGU EN LA TAGO

Karaj amikoj!

La Estraro de Rusia Esperantista Unio informas vin, ke la 4-an de oktobro tra la tuta Esperantujo okazos la tradicia Ago-Tago (se estas pli oportune okazigi ĝin ne sabate, sed labortage, taŭgas iu tago dum la antaŭa semajno). La celo de la Ago-Tago estas allogi atenton de neesperantista publiko – ĵurnalistoj, deputitoj, lokaj potenculoj, diversgradaj estroj kaj ordinara loĝantaro al Esperanto kaj problemoj de internacia komunikado.

La esenco de Ago-Tago estas, ke SAMTEMPE TRA LA MONDO ESPERANTISTOJ PROPAGANDAS PUBLIKE ESPERANTON.

La formoj povas esti diversaj: a) simpla gazetara konferenco (ĵurnalistoj estas allogataj ĝuste per tio, ke la afero okazas samtempe en la tuta mondo); b) publika prelego pri Esperanto; c) scienca konferenco pri problemoj de internacia komunikado; ĉ) enmanigo (post speciala averto) de priesperanta informilo al la urbestro/guberniestro/deputitoj de la urba aŭ/kaj provinca konsilio (aliaj potenculoj same taŭgas); d) disgluado de anoncoj pri E-kursoj tra la tuta urbo (en busoj/tramoj/metrovagonoj, trafikhaltejoj, lernejoj, universitatoj ktp); e) preparo kaj starigo de surpavimaj reklamoj (ruse – штендер) en amaspublikaj lokoj; f) disdonado de flugfolioj pri E-to; g) mendita ripetata anonco por la tuta tago ĉe loka televido-kanalo: tiel nomata “kuranta linio” (бегущая строка); ĝ) kio ajn ankoraŭ.

Plej gravas, ke atentu la aferon ĵurnalistoj (ĉu estos speciala gazetara konferenco, ĉu ne – tiam ili vizitu prelegon/manifestacion/pikedon/renkontiĝon kun altaj ĉefoj). La senco estas ĝuste en tio – allogi kun la preteksto de la tutmondeco atenton de amaskomunikiloj (kaj, laŭeble, potenculoj) – kaj, kaze de sukceso, kolekti homojn por granda kurso (komenco de oktobro por tio bone taŭgas).

La Estraro de Rusia Esperantista Unio rekomendas al vi aktive uzi la unikecon de Ago-Tago por publike propagandi nian aferon kaj informi pri la internacia lingvo Esperanto. Pri la rezultoj de viaj agoj ni petas vin informi ankaŭ la E-publikon pere de REGo, diversaj retaj rimedoj. Ne forgesu informi ankaŭ REU-Estraron, por ke ni povu akumuli kaj pli efike interŝanĝi spertojn en tiaj aferoj. Ni klopodos aperigi informojn pri la plej interesaj Ago-Tago-aranĝoj en UEA-organo “Esperanto”.

Sendu al ni fotojn, kopiojn de la artikoloj, varbiloj, temojn de konferencoj kaj ĉiujn viajn ideojn.

***Prezidanto de REU Nikolao Gudskov***
***Estrarano pri regiona agado kaj varbado Viktor Kudrjavcev***

## REZULTOJ DE ĈALK-EKZAMENOJ

Dum RET-03 ekzameniĝis pluraj personoj. B-nivelan ekzamenon sukcese faris kaj ricevis ateston pri instrurajto por elementaj Esperanto-kursoj: Jelena Butorina (Tjumenj) kun la noto "perfekte", Aleksandr Morev (Peterburg) kun la noto "perfekte", Roman Bolŝakov (Moskva) kun la noto "bone", Jurij Karcev (Uljanovsk) kun la noto "bone". A-nivelan ekzamenon sukcese faris kaj ricevis ateston pri baza scio de Esperanto: Konstantin Obrazcov (Tomsk) – "perfekte", Darja Vlasova (Tiĥvin) – "bone" kaj Sergej Belov (Tiĥvin) – "bone".

***Prezidanto de ĈALK N.Gudskov (Moskva)***

## KONCIZE PRI LA REZULTOJ DE LA 88-A UK

Aliĝis 1796 personoj el 60 landoj.

La komitato elektis ses novajn Honorajn Membrojn de UEA: Edwin Burg (Nederlando), Adolf Burkhardt (Germanio), Imre Ferenczy (Hungario), Salah Ghanem (Libano), Josef Kavka (Ĉeĥio), Antanas Mekys (Litovio).

La kongresanoj aktive traktis la kongresan temon "Lingvaj rajtoj kaj respondecoj" , sekve de kio estis akceptita rezolucio.

Premio Deguĉi (por plifirmigo de internacia amikeco) estis ajluĝita al Don Harlow (Usono) kaj Franciska Reisel (Germanio). Trofeon Fyne (por la plej aktiva Landa Asocio de UEA) por la sekvaj du jaroj ricevis Litova Esperanto-Asocio. Subvencio Cigno (subteno de gravaj E-aktivecoj en ekonomie malfortaj landoj) estis transdonita al Armena Esperanto-Asocio kaj Federacio Esperanto de Barato. Fondaĵo Grabowski (subteno de E-kulturo) premiis Lio Ŝiĵun/Laŭlum (Ĉinio), Mikaelon Bronŝtejn (Rusio), Litovan Esperanto-Asocion, SAT-Amikaron kaj Eldonejon Bero. Ĉe <http://uea.org/dokumentoj/uk2003/premioj.html> vi povas pli detale legi pri la premiitoj.

La kongresa libroservo raportis, ke la kongresanoj aĉetis librojn, diskojn, kasedojn k.s. je la sumo de ĉ. 30 mil eŭroj (inkluzive de la impostaj krompagoj). La pintajn vendojn ĝuis jenaj tri libroj: "La Zamenhof-strato" de Roman Dobrzynski, "La Postdomo" de Istvan Ertl, "Esperanto sen mitoj" de Ziko Marcus Sikosek. Inter la plej amase vendataj troviĝis ankaŭ la nova Esperanto-Dokumento, preparita de Detlev Blanke.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## REZOLUCIO

***de la 88-a Universala Kongreso de Esperanto***

**La 88-a Universala Kongreso de Esperanto, kunveninte en Gotenburgo, Svedujo, de la 26-a de julio gis la 2-a de aŭgusto 2003, en ĉeesto de 1800 personoj el 62 landoj, kaj traktinte la temon "Lingvaj rajtoj kaj respondecoj",**

**atentigas** pri la pluraj iniciatoj kaj deklaroj de Universala Esperanto-Asocio en lastaj jaroj pri la konservado de lingva pluralismo ene de ŝtatoj kaj en la rilatoj inter ŝtatoj, kaj pri la rolo, kiun la Internacia Lingvo Esperanto povas ludi kiel efika kaj neŭtrala ponto inter la diversaj lingvoj;

**notas** en tiu rilato ekzemple la Manifeston de Prago (1996) pri lingva demokratio, kaj rezoluciojn de Universalaj Kongresoj de Esperanto en Zagreb, Kroatio (2001), kaj Fortaleza, Brazilo (2002);

**konstatas,**
– ke lingvoj plenumas fundamentan rolon en homaj socioj ne nur kiel iloj de komunikado, sed ankaŭ kiel manieroj por esprimi sian identecon;
– ke lingva diverseco reprezentas unu el la grandaj riĉajoj de la homa kulturo kaj estas konservenda en la kunteksto de demokratia lingvopolitiko, kaj ke tia politiko ankaŭ liveras la lingvajn rimedojn ne nur por komunikado ene de socioj, sed ankaŭ inter la socioj;
– ke lingvaj rajtoj – nome tiuj rajtoj, kiuj rilatas al la kontentigo de komunikbezonoj kaj la esprimado de identeco en plurlingvaj situacioj – estas esenca sed tro ofte neglektata elemento en la fundamentaj homaj rajtoj;
– ke la realigo de lingvaj rajtoj estas afero ne nur jura sed ankaŭ morala, en kiu ĉiu havas respondecon partopreni;
– ke tiuj rajtoj aplikiĝas, aŭ devus aplikiĝi, je ĉiuj niveloj de la homa socio, ekde la rajtoj de individuoj tra la protektado de lingvaj malplimultoj ĝis lingva egaleco en la rilatoj inter ŝtatoj;
– ke la principoj de egalrajteco kaj de demokratia komunikado postulas konservadon de la lingva diverseco en multlingvaj komunumoj, en la kadro de egaleca kaj klara lingvopolitiko, ĉar tio ebligas maksimuman socian partoprenon de ĉiuj civitanoj;
– ke manko de klara kaj aktiva lingvopolitiko malfermas la vojon al lingva dominado kaj hegemonio;
– ke eblas konservi lingvan diversecon, precipe en interŝtataj rilatoj, nur per aktiva lingvopolitiko cele al realigo de neŭtrala multlingvismo, en kiu neniu lingvo havas dominan rolon;

**atentigas** pri la multjaraj spertoj de la Esperantlingva komunumo kiel modelo de egalrajta komunikado en multlingva socio kaj pri la preteco de tiu lingvo por ludi multe pli aktivan rolon kiel pontolingvo en la rilatoj inter ŝtatoj kaj en multlingvaj sistemoj de komunikado,

**petas** la diversajn Esperanto-organizaĵojn, je internacia, nacia kaj loka niveloj, kunlabori en sistema klopodo atentigi pri la kvalitoj de la Internacia Lingvo Esperanto, kaj konservi kaj evoluigi la lingvon tiel, ke ĝi plej bone ludu sian rolon kiel transponta lingvo en multlingvaj situacioj,

**kaj alvokas** al ĉiuj internaciaj organizaĵoj registaraj kaj neregistaraj, al registaroj kaj aliaj instancoj, al fakuloj kaj sciencaj organizaĵoj, kaj al ĉiuj civitanoj, kiuj deziras konservi kaj fortigi lingvan egalecon je ĉiuj niveloj, pli profunde esplori la kapablojn kaj atingojn de la Internacia Lingvo Esperanto en la rilatoj inter lingvoj kaj popoloj ĉie en la mondo kaj apliki ties lingvajn rimedojn.

Komence de aŭgusto en Svedio okazis vica konferenco de Internacia Ligo de Esperantistoj-Instruistoj (ILEI). Dum la konferenco estis elektita nova estraro, kiun eniris ankaŭ Aleksandr Blinov (Ĉeboksari). En lia taskaro estas lerneja agado, instrukapabligo, ekzamenoj.

# MALFERMA TAGO EN LA CO

La Centra Oficejo de Universala Esperanto-Asocio havos Malferman Tagon la 29-an de novembro 2003. Niaj specialaj gastoj en Rotterdam estos la polo Tomasz Chmielik kaj la franco Philippe Chavignon, kaj en la Libroservo validos dek-procenta rabato.

Biblioteko Hector Hodler de UEA pli kaj pli multe "aperas" sur la paĝoj de la monda asocio. Ĉe <http://www.uea.org/dokumentoj/bhh/tra_la_jaroj.html> videblas historiaj dokumentoj, bildoj ktp. tra la jaroj, kun komentoj. ***(NUN)***

Novaĵoj dum la jaro 2003 estas inter-alie la "Konciza Etimologia Vortaro" de A.Cherpillod, "La vivo de Henriko Kvina" (de Ŝekspiro) tradukita de H.Tonkin, "La Postdomo" (primovada satiro – Red.) de I.Ertl kaj "Esperanto sen mitoj" de Z.M.Sikosek. Cetere eblas aĉeti kompaktdiskon kun historiaj sondokumentoj el la UK-62 (Rejkjaviko, 1977).

Tomasz Chmielik tradukis la romanon "La lada tambureto" de G.Grass, lia eldonejo "Libro-Mondo" apartenas al la plej aktivaj en la movado. En la Malferma Tago ni aŭdos de li pri du pioniroj de UEA, nome: "Edmond Privat – efektiviganto de utopioj", kaj "Pri la penso de Hector Hodler". Philippe Chavignon parolos pri "Mondvojaĝo tra Panjo-Naturo, lingvoj kaj gentoj".

Nia programo daŭros de la 10-a ĝis la 17-a horo, eniro, kafo kaj partopreno en la loterio estas senpagaj. La Centra Oficejo troviĝas en la strato Nieuwe Binnenweg, 176 kaj estas atingebla de la ĉefa stacidomo per la tramo 4.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

# NOVAJ REU-ALIĜOJ POR 2003

## ALIĜINTAJ KOLEKTIVOJ

**Ĉeboksara E-klubo "Ĉielarko"** (10 aligitaj membroj, 1 individua membro): *Artimuk Jelena, Blinov Aleksandr, Fedotova Aleksandra, Ĥolmogorcev Aleksandr, Jevlampieva Jekaterina, Romanova Irina, Stepanova Jevgenija, Ŝabalkin Aleksandr, Ŝabalkina Natalja, Timle Loj, Tuvalkina Antonina*

**Ivanova Esperanto-klubo** (14 aligitaj membroj): *Aĥmetova Faina, Aksjonova Vera, Brovcev Aleksandr, Brovceva Svetlana, Jablokova Irina, Kolmakova Marija, Maleĵ Tatjana, Medvedeva Natalja, Obrezkov Andrej, Obrezkova Jelena, Osinkina Irina, Ŝoliĉeva Alisa, Tjutleva Uljana, Zaidova Tatjana*

**Moskva E-klubo "MASI-FaRo"** (+4 novaj membroj): *Baŝlikova Anastasija, Izjumenko Oleg, Kuleŝova Alla, Morozova Viktorija*

**Samara Esperanto-klubo** (12 aligitaj membroj): *Alekseeva Oljga, Alfjorova Jelena, Aljakina Ljudmila, Fejgin Igorj, Kaplun Jeli-*

**PRECIZIGO.** En la nekrologo de REU-Estraro pri Dmitrij Perevalov (REGo, № 3(16), p.24) la forpasinto estis menciita kiel estrarano de ASE. Fakte en ASE D.Perevalov estis ne simple membro de la Estraro (ĉ. 60-persona), sed ano de pli grava organo – la Prezidio de ASE (ĉ. 15-persona). (Red.)

*zaveta, Kukoba Oleg, Kuznecova Jelena, Leontjev Gennadij, Poljanskaja Jelena, Prilepskaja Marija, Purigina Emilija, Ŝadrin Valerij*



kunsido de REU-Estraro dum UK en Gotenburgo

**Vladivostoka Esperanto-klubo "Pacifiko"** (la listo): *Abisova Ljudmila, Ageeva Ljudmila, Bratĉikova Rada, Ĉiĵikova Nina, Ivancova Galina, Koneva Galina, Lisenko Jelena, Makŝanov Viktor, Mickeviĉ Stanislav, Paravin Valerij, Semjonova Valentina, Ŝeremetjeva Svetlana, Ŝipilov Andrej, Ŝlepĉenko Gennadij, Titajev Aleksandr*

**INDIVIDUAJ MEMBROJ**

*Aleksandrov Anton (Arĥangeljska reg.), Beljskij Sergej (Tjumena reg.), Blinov Aleksandr (Ĉeboksari), Bozin Sergej (Krasnojarsk), Butorina Jelena (Tjumenj), Cvileneva Nina (Ufa), Derjugin Aleksandr (Saratov), Entelis Bronislava (Sankt-Peterburg), Loŝmanov Anton (Komsomoljsk-na-Amure), Manzurov Sergej (Baŝkirio), Merkulova Oljga (Jelec), Poletajev Ivan (Jelec), Popova Anna (Tambova reg.), Rozenberg Veniamin (Omsk), Sibirceva Valentina (Lipecka reg.), Ŝevĉenko Oljga (Sankt-Peterburg), Tjulaĥov Spartak (Jakutio), Uŝadikov Sarang (Kalmukio), Vasilejko Polina (Niĵnij Novgorod)*

**FAMILIAJ MEMBROJ**

*Panasjuk Jelizaveta (Jelec)*

## REU-kotizoj por la jaro 2003:

120 rub. (por eksterrusianoj – 15 eŭroj) – individua kotizo (inkluzivas la membrokarton, REGon kaj aliajn informojn, voĉdonrajton en REU-Konferenco, rabatojn ĉe uzo de REU-servoj kaj en E-aranĝoj);

3000 rub. (por eksterrusianoj – 375 eŭroj) – dumviva kotizo (ĉio la sama dum la tuta vivo);

25 rub. – familia kotizo (la membrokarto, voĉdonrajto en REU-Konferenco);

120 rub. + 25 rub. por ĉiu membro (krom individuaj membroj de REU) – kolektiva kotizo (REGo kaj aliaj informoj de REU por la klubo, la membrokartoj kaj voĉdonrajtoj en REU-Konferenco por la klubanoj).

*La rublaj kotizoj sendendas al **G.Kokolija** (la adreso estas en la lasta kovrilpaĝo), la eŭraj kotizoj pagendas al la konto **reua-p** ĉe UEA.*

# REJM-info

*redaktas Sonjo Ŝejnina, Vitalij Malenko*

## OkSEJT ĈE VOLGA

***rememoroj de respondeca persono***

La 4-an de aŭgusto en la centro de Kostroma kunvenis kelkdek ĉarmaj gejunuloj. Per sia nekutima konduto ili stumbligis lokajn huliganojn, kiuj sidiĝis en ombro apude kaj nervoze fumis. Tiuj kelkdek estis la partoprenontoj de OkSEJT-43, instrutendaro de REJM. Tagmeze ni plenŝtopis buson per la korpoj, tendoj, sakoj, kaj ĝi portis nin al la tendarejo.



*Slavik Ivanov ŝajnigas severecon dum Matena Kunveno*

La tendarejo evidentiĝis bela loko sur bordo de Volga. Laŭ beleco eblas ĝin kompari kun la OkSEJT-ejo lastjara (ĉe Vetluga), sed la ĉi-jara tendarejo estis multe pli oportuna. Ni havis arbarplaceton ĉe la bordo kun ŝtupareto al la river-rando (estis eble 3 metroj inter la niveloj de la akvo kaj de la tendarejo), sur la arbarplaceto estis T-forma tablo kun benkoj kaj bona tegmento, dudek metrojn for de la tablo estis fajrejo kun ligna benko ĉirkaŭ ĝi. Du lavejoj en proksimaj arbaroj. Ligna necesejo iom for. Akvo en puto de la proksima bazejo. Ĉio estis ege oportuna.

Apud la tendarejo estis kvardoma bazejo, fakte sav-punkto de Ministerio pri Ekstremaj Situacioj, kies estro (amiko de nia Ljoŝa Kuznecov) multe helpis nin. Ni kuiris per lignofajro, kiun ni aranĝis en la bazejo, uzante ties lignon. Ni prenis akvon el ilia puto kaj banis nin en ilia banejo. Ĉiuj nemultaj laborantoj de la savpunkto estis tre ĝentilaj kaj favoraj al ni. La ĉirkaŭaĵo de la savpunkto estas arbareto, oportune aparta de dense loĝata ĉirkaŭaĵo – do ankaŭ la kutimaj problemetoj pri lokanoj forestis.

Por partopreni OkSEJT-on venis homoj el 4 landoj (Hungario – 1, Pollando – 2, Usono – 1, Rusio – ĉiuj ceteraj 49), plejparto de rusianoj estis el Kostroma, Ivanovo, Ĉeboksari kaj Moskva. Plej mirigis la venintoj el foraj Barnaul, Jakutsk, Tjumenj kaj Tomsk. Pli ol duono de la tendaranoj estis startuloj en la lingvo.

En la unua tago okazis registriĝo kaj tre vigliga rolludo gvide de Roman Ĉerjomin (Ivanovo). Laŭ la ludo ni iĝis reprezentantoj de kvar planedoj (Verda, Ruĝa,

Ora kaj Blua), kiuj kunvenis en kosma stacio por solvi kune diversajn problemojn. Estis multe da intrigo en la ludo, sed ĉio finiĝis per venko de bono kaj amikeco. Post la ludo ni jam bone konis unu la alian.

Sekvatage komenciĝis lernado. Ĉiuj homoj estis dividitaj je tri niveloj: startuloj (ilin prenis Blazio Vaha, nia hungara instruisto), komencintoj (kiujn prenis Oksana Burkina) kaj parolantoj (kies grupon kunordigis Lena Melnikova). Fakte la parolantoj ne lernis: ili ludis diversajn ludojn, babilis, diskutis pri la programo kaj pri politiko – do praktikis la lingvon.

Esperanto-kursoj okupis po 3-5 astronomiajn horojn[1] ĉiutage (kutime kun pli granda parto matene kaj malpli granda – vespere). Krom tio okazis kelkaj lingvaj ludoj, prelegoj kaj kantado ĉe lignofajro (kaj ne nur). Persone por mi estis aparta ĝuo hazarde aŭdi Esperanto-paroladon el ies tendo, kie junulo-progresanto instruis al du knabinoj-komencantoj. Tio eble elvokas rideton, sed ja ankaŭ signifas, ke homoj kunvenis celkonscie kaj fakte ĉiam lernis Esperanton – eĉ kiam estis libera tempo por sidi en tendo.



*Oksana Burkina, kiu multe instruis kaj prelegis*

Krom la divido laŭ lingva nivelo, ĉiuj partoprenantoj trovis sin en unu el kvar teamoj, signitaj per literoj de la greka alfabeto. Poste ili mem engrupe elpensis por si originalajn nomojn. Necesas agnoski, ke la teama (aŭ "grupa") laboro en OkSEJT-43 preskaŭ fiaskis – pro ĉiam malbona vetero kaj pro la banejo, kiu ĉiam delogis po 2-3 homojn el ĉiu grupo. Sed tio ne vere gravas: gravas, ke oni ne neglektis lecionojn de Esperanto. Grupa laboro kiel konatiga ilo ne estis vere bezonata – ja kvindeko da homoj ankaŭ sen ĝi bone interkonatiĝis. Kaj la plej grava parto de grupa laboro – kuirado kaj liverado de akvo – funkciis tute bone. La ĝeneralaj konkludoj miaj: estu malpli da grupa laboro en malgrandaj renkontiĝoj; estu pli grandaj grupoj (ol 8-10 pers.), ĉar ĉiam troviĝas 2-3 fuŝuloj, kiuj ie vagas kaj rompas la kolektivan laboron.

Preskaŭ ĉiutage, kiam permesis vetero, ni organizis ĉefajrumadon. Ĝi estis (antaŭvideble) tre populara – tre bona loko por instrui Esperanton (la fiksideo de la organizantoj, ĉu ne?). Do, ni provis ĥore kanti Esperanto-kantojn (ankaŭ sen gitaro de temp' al tempo). Nesubtaksebla estas ĉi-rilate la partopreno de Lena Melnikova, kiu estis la sola gitarludanto kun bona scio de Esperanto kaj E-folkloro. Ege mankis malgrandaj kantaretoj (ho jes, nia fuŝo de organizado), sed eĉ pli bone –

[1] *(lingve)* Mi konscie uzas la akuzativon post "po", sciante, ke ne estas firma regulo pri tio kaj ke oni diskutas plu.

oni reskribis vortojn tage al siaj notlibroj!

Jes, mankis kantaretoj, sed tamen (malsimile al la unua nia tenda OkSEJT pasintjare) ni organizis malgrandan libroservon, en kiu aĉeteblis E-rusaj Bokarjov-vortaroj, la ruslingva libro de A.Melnikov, ”Faktoj…” de N.Gudskov (nur 1 ekzemplero, fakte) kaj “Gerda Malaperis”. Per la lasta ni ankaŭ premiis elstarajn lernantojn. Ho, ankaŭ aĉeteblis insignoj – REJM devus produkti similajn, ĉar la insignoj kun simpla surskribo “Mi amas Esperanto-n” furoris.

Interalie, en la loko bonege funkciis poŝtelefonoj – ĉar ja estas populara ripoztereno ne tro for de Kostroma. Tio tre helpis, kiam ni iunokte vokis “urĝan helpon” por knabino ricevinta vundon pro herakleo, kaj kiam ni serĉis du knabinojn el Jakutsk (Aljona kaj Sofja, kiuj ne povis trovi nian tendaron) – 6 homoj iris tra kampoj, vilaĝoj kaj arbaretoj, pridemandis lokanojn kaj tenis konstantan informfluon kun Moskva kaj Kostroma. Fakte, tre oportune (ĉu homoj el MTS pagos al mi pro la reklamo en “REJM-info”?).

Do, ĝis noktomezo kutime estis Esperanto-instruado (laŭ la neskribita leĝo de OkSEJT-oj oni ne kantas en la rusa ĉe lignofajro ĝis noktomezo). Sed ne mankis ankaŭ tradiciaj ludoj (“Mi veturos al la Nordo kaj prenos...”, “MDN”, “Rekte aŭ Kruce” kaj similaj). Se paroli pri ludoj, mi plej ŝatis “Mafion”, kiun ni ludis en Esperanto kun la tria nivelo (parolantoj), dum apude sidis aliaj du niveloj kaj lernis novajn vortojn. Estas ege interese ludi “Mafion” en Esperanto – invitu iam du-tri eksterlandanojn kaj provu!



*Andreo Penjkov lernis Esperanton rete; OkSEJT-43 iĝis la unua E-aranĝo por li kaj lia edzino*

Alian tre interesan (espereble por ĉiuj) ludon sugestis al mi Andreo Penjkov. Fakte mi jam spektis ĝin antaŭe – iam dum StRIGo en Vladimir, dum prelego pri familiaj konfliktoj, Etulino faris eksperimenton pri transiro de klaĉoj: ĉeno da homoj transdonis rakonton unu al la alia ĝis fine la rakonto jam estis nerekonebla. Do, ni refaris tion en OkSEJT kun amuza teksto pri “Esperanta princo Knaĥoĥŝveŭpsceg” (reala rolulo de usona verkisto David Jordan). Sed poste ni modifis la ludon laŭ propono de nia usonano Dejv Koffin. La unua persono aŭdis rakonton en la rusa, li rakontis ĝin al la dua en Esperanto, tiu dua rerakontis al la tria en la angla ktp. kun la franca kaj la germana ankaŭ envolvitaj. Estis tre amuza eksperimento, fine de kiu la kerno de la rakonto tamen restis.

Krom kursoj, kantado kaj ludoj okazis ankaŭ kelkaj utilaj prelegoj pri: aplikoj de Esperanto (iom ŝanĝita parto de mia iama universitata prelego), ĝenerala lingvistiko (faris Oksana Burkina, kiu postdiplome studas ĉe katedro de ĝenerala ling-

vistiko en la Peterburga Ŝtata Universitato), petveturado (rakontis Ikar Akimenko, kiu petveture venis al ni kun la edzino Aljona el la fora Barnaul), plurlingveco en la mondo kaj lingva demokratio, REJM kaj la venonta IJK. Pri la Internacia Junulara Kongreso ni havis ankaŭ diskutrondon (kiun faris ĉefe Ljoŝa Besĉastnov) – la generitaj ideoj, fiksitaj surpapere, estos nepre uzitaj.

Do, mi jam iom tro longe rakontas (kvankam mi eble ne rajtus tion fari – kiel persono kun subjektiva imago pri la sukceso de la aranĝo). Nun mi transiru al la oficiala parto. En nomo de REJM mi volus danki homojn, kiuj aparte gravis por la tendaro. Estas laŭ alfabeta ordo de la nomoj:

– Aleksej Kuznecov, kiu organizis ĉion en Kostroma kaj trovis bonegan tendarejon; li ankaŭ bonvolis uzi sian poŝtelefonon, kiel la kunordigan en Kostroma;

– Anna Lisina, kiu montris sin bonega kasisto kaj ekonomiisto; ne laste dank' al ŝi la tendaro povis esti preskaŭ sendeficita;

– Blazio Vaha, kiu brile instruis por startuloj kaj helpis subteni la etoson per kantado, matena gimnastiko kaj konsilado;

– Helena Melnikova, kiu kunordigis la trian instrunivelon (parolantoj) kaj estis nia ĉefkantisto ĉe la lignofajroj;

– Jelena Serova, kiu ĉiutage vojaĝis al Kostroma kaj reen, tiel ligante nin kun la urbo; estis ŝi, kiu fakte trovis la perdiĝintajn du knabinojn el Jakutsk;

– Julija Penjkova, sen kies bonvola helpo pri kuirkontrolo kaj manĝaĵ-aĉeto ni verŝajne restus sen manĝaĵo;



*Maŝa Zjukina: "Estas ĝuo prepari manĝaĵon por la tuta amikaro"; deĵorantoj en la bazejo, kie ni kuiris*

– Konstantin Obrazcov, kiu ne estis organizanto oficiale, sed fakte multe helpis dum la tendaro pri la distra programo kaj pri plibonigo de onia Esperanto;

– Oksana Burkina, kiu gvidis la duan nivelon (por komencintoj) kaj evidentiĝis bona instruisto de Esperanto; krome, Oksana multe helpis vigligi la etoson kaj aktivigi la partoprenantojn;

– Roman Ĉerjomin, profesia psikiatro el Ivanovo, kiu fakte sola faris pli ol duonon de distra programo (plej elstaris la rolludo), organizis ĉiutagan psikologian programeron por firmigi akiritajn sciojn de la lernantoj;

– Slavik Ivanov (ho, estas mi, fakte), kiu faris OkSEJT-paĝaron en Interreto, antaŭorganizis rete, kunordigis ĉion en la tendaro mem;

– Vitalij Malenko, kiu estis la iniciatinto de la afero en REJM, antaŭorganizis rete kaj ĉeforganizis en la tendaro dum du ĝiaj lastaj tagoj.

Ni dankas ankaŭ ĉiujn lernantojn, eksterlandajn gastojn kaj ĉiujn, kiuj kredis je

sukceso de nia aranĝo.

***Slavik Ivanov, REJM-komitatano (Sankt-Peterburg)***

***P.S.*** Ĉe <www.tejo.org/rejm/oksejt/43/bildoj.html> estas multaj fotoj de OkSEJT kun E-lingvaj komentoj.

***P.P.S.*** Post vigla aŭgusta pridiskuto REJM decidis organizi OkSEJT-on ankaŭ sekvajare, antaŭ IJK. OkSEJT estos instrutendaro, semajnon longa (dum la 5-12-a de julio), al kiu povos veni komencantoj por plibonigi sian lingvon antaŭ la Internacia Junulara Kongreso. La instrutendaro okazos apud la IJK-ejo, ĝi estos plene tenda kaj havos diversnivelajn kursojn, ankaŭ la Someran Universitaton, kadre de kiu planas instrui eminentuloj de la Movado – ekzemple sian interesiĝon esprimis Anatolo Gonĉarov, daŭra subtenanto de la ideo de someraj instrutendaroj. Sekvu la novaĵojn pri NIA IJK! Invitu viajn amikojn al la aranĝo!

---

## 6-A INTERNACIA FOTOKONKURSO

***de "La Ondo de Esperanto"***

Post kvin sukcesaj konkursoj (1998, 1999, 2000, 2001, 2002) la redakcio de "La Ondo de Esperanto" invitas al partopreno en la sesa Internacia Fotokonkurso.

La konkurso ne estas ligita al deviga temo. En la konkurso rajtas partopreni ĉiu fotemulo amatora aŭ profesia, sendepende de la loĝlando kaj lingvokono. Unu persono rajtas partopreni per maksimume kvin fotoj. La minimuma formato estas 10×15 cm. Fotoj povas esti koloraj aŭ nigra-blankaj, vertikalaj, horizontalaj kaj aliformataj. Fotoj senditaj elektronike ne estas akceptataj.

La konkursaj fotoj devas esti senditaj unuekzemplere al la sekretario de la konkurso Halina Gorecka (p/k 1248, 236039 Kaliningrad). La fotoj devas atingi la sekretarion antaŭ la 15-a de decembro 2003. La konkursaĵoj devas esti subskribitaj per pseŭdonimo. En aparta koverto kunsendata devas esti slipo kun la pseŭdonimo, aŭtenta nomo kaj poŝta adreso de la aŭtoro. Oni povas aldoni titolon aŭ klarigan noton al la fotoj, sed tio ne estas deviga. En la konkurso ne rajtas partopreni fotoj, kiuj jam estis premiitaj aŭ publikigitaj.

Tripersona juĝkomisiono aljuĝos premiojn al la laŭreatoj: 1-a premio – 50 eŭroj kaj abono de "La Ondo de Esperanto" por 2004; 2-a premio – 25 eŭroj kaj abono de "La Ondo de Esperanto" por 2004; 3-a premio – abono de "La Ondo de Esperanto" por 2004. Specialan premion (libroj de "Sezonoj" kontraŭ ekvivalento de 50 eŭroj) ricevos la plej bona foto teme ligita kun Esperanto. Ĉiu premiito ricevos diplomon. La organizantoj rezervas al si la rajton ĝis la 31-a de decembro 2005 uzi la ricevitajn fotojn en papera kaj/aŭ elektronika formo kaj en ekspozicioj.

Sukcesojn!

# Eksciu, ke...

## KuzER

Kuznecka Esperanto-Renkontiĝo, dediĉita al la 20-jariĝo de Novokuznecka E-klubo "Cedro", okazis la 26-27-an de julio 2003 apud la rivero Kazir. Gastoj el aliaj urboj ne venis, tial en la festado partoprenis nur la novokuzneckanoj. Venis preskaŭ ĉiuj spertuloj, kiuj antaŭ 20 jaroj organizis la klubon "Cedro": Valerij Perikov (la unua prezidanto de la klubo), Jelena Lopuŝor, Oljga Drjupina, Natalja Trunova, Tatjana Koljaeva.



La renkontiĝo estis tre gaja kaj interesa. Ni transnavigis la rapidan riveron Tomj per katamarano, poste paŝadis laŭ monta vojo tra arbaro. Apud la rivero Kazir ni instalis tendojn, bruligis lignofajron, kaj nia festo komenciĝis.

Ni gaje ludis, partoprenis en ŝercaj konkursoj, kantis Esperantajn kantojn, dancis ĉirkaŭ la lignofajro, rememoris pri la komenco de nia klubo, pri la amikoj, kiuj estis en "Cedro" dum tiuj 20 jaroj. Estis ekskurso al la turista bazejo "Blanka lakto", situanta apud enakvaj rokoj. La vetero estis bona, ne pluvis, kuloj nin ne mordis, laŭte bruis la monta rivero, nokte lumis multegaj steloj. Ni havis belegan humoron kaj ne volis forveturi. Bedaŭrinde la renkontiĝo estis ne tre longa. Ni forveturis kun la espero, ke sekvajare ni nepre revenos ĉi tien kun novaj geamikoj.

***Julija Abzalova, Tatjana Koljaeva (Novokuzneck)***

## ARTA FESTIVALO "VELURA SEZONO-2004"

***Jalto, 01-08-a de septembro 2004***

Post multjara interrompo en Jalto sekvajare reaperos la fama "Velura Sezono". Ĝi iam unuigis multajn E-muzikantojn kaj muzikemulojn, pluraj el ili iĝis steluloj.

En la unua festivalo, kiu okazis en 1979 enarbare, prezentis sian spektaklon "Juĝproceso" Gennadij Ŝilo. En postaj festivaloj krom muzikantoj prezentis spektaklojn Leningrada E-teatro, pupojn – reĝisoro de Kieva pupteatro Sergej Jefremov. Tage okazis ekskursoj, turistaj marŝoj, diskutoj (ofte surplaĝe). Nokte – koncertoj surkaje. Ne eblas forgesi la orgenan koncerton en unika kaverno "Tatjana" en montaro, alian koncerton en kaverno "MAN".

La festivalo esence diferencos de la antaŭaj. Unue, multaj programeroj estos destinitaj ankaŭ por la urbanoj kaj ripozantoj, kiuj tiutempe abundos en Jalta. Tuj

post la festivalo komenciĝos 3-taga urba festivalo de barda kanto “Осенняя Ялта” (Aŭtuna Jalto), kiun partoprenos ankaŭ esperantistoj en la rusa kaj Esperanto. Sur la stratoj pendos afiŝoj pri porurbaj programeroj de “Velura Sezono” kaj ĝia parto – “Осенняя Ялта”. Due, la festivalo komence de septembro garantias bonan veteron kaj varman maron. Ĝi okazos en pionira tendaro, kiu situas en pitoreska pinarbaro en ĉirkauaĵo de Jalto apud fama “Poljana Skazok” (Herbejo de Fabeloj). En la tendaro estas 100 nemultekostaj lokoj en ĉambroj po 2-3 litoj kaj ebleco akcepti homojn kun siaj tendoj.

En la provizora programo: Koncerto en orgena halo en Livadija; Seminario pri muzika E-kulturo; Koncertoj en diversaj lingvoj por la urbo; Ekskursoj, turistaj marŝoj; Rolaj kaj intelektaj ludoj; Nokta koncerto sur la kajo kaj nokta naĝado; Barda festivalo “Осенняя Ялта”.

Joĉjo petas de sia patrino kvin cendojn.
– Sed kion vi faris per la kvin cendoj, kiujn mi donis al vi hieraŭ?
– Mi donis ilin al maljuna kaj malriĉa virino.
– Ho, tio estas tre laŭdinda, mia infano. Jen, prenu ankoraŭ kvin cendojn. Sed pro kio vi tiel interesiĝas pri tiu maljunulino?
– Ŝi vendas bombonojn. ***(esperanto-anekdotoj)***

La festivalon organizas jalta E-klubo “Tero” kune kun kieva E-klubo “KARE” kaj moskva teamo de MASI-FaRo kaj sub flugiloj de poltava krea unuiĝo “Gaudeamus”. Loka organiza komitato: rete <espero@yalta.crimea.ua> aŭ <tero@yalta.us>; poŝte Ukrainio, 98600 Jalta, p/k 74 Esperanto.

***Jefim Zajdman (Jalta, Ukrainio)***

## NOVA TEJO-ESTRARO

Dum la kunsidoj kadre de la IJK en Svedio, la TEJO-komitato elektis la novan TEJO-estraron, kies oficperiodo finiĝos en la jaro 2005. La estraron eniris: Bertrand Hugon, Francio (prezidanto); Sonja Petrovic, Serbio kaj Montenegro (vicprezidanto, KER, rilatoj kun UEA); Aleks Kadar, Francio (ĝenerala sekretario); Katja Ignatjeva, Rusio/Svedio (financaj aferoj kaj subvencioj); Jevgenij Gaus, Litovio (informado). El la aliaj decidoj de la komitato menciindas la akcepto de propono starigi retan oficejon de TEJO (flanke de la komitato respondecas David-Emil Wickstrom). Pri la estonteco de la paperaj gazetoj “TEJO Tutmonde” kaj “Kontakto” ne rezultis klara decido: oni plu esploras diversajn variantojn de ilia eldonado.

***(TEJO-AKTUALE)***

## LA DUA BALTA ESPERANTO-FORUMO

***Gazetara Komuniko***

Tre riĉan klerigan programon havis la dua Balta Esperanto-Forumo, kiu okazis la 17-22-an de julio 2003 en Olsztyn (Pollando) kun 55 partoprenantoj el ses landoj. La ĉefan temon de la Forumo, “Slavaj influoj en Esperanto”, laŭ la aspektoj lingva, movada, ideologia kaj kultura, prezentis Aleksander Korĵenkov.

Aliaj prelegoj estis dediĉitaj al: Esperanto-vortaroj en la reto (Witold Czerwiń-

La 5-an de septembro en Ĉeboksari geedziĝis Katja Jevlampieva kaj Andrej Liskov. Gratulojn!

ski), interkultura komunikado per Esperanto kaj la angla (Ilona Koutny), EEU (Johan Derks), Olsztyn (Elżbieta Leonowicz-Frenszkowska), Prusujo sen legendoj (Wolfgang Kirschstein), nevidantoj (Irena Łowińska), "Solidareco" en Kaliningrad (Alen Kris), nacia, eŭropa, internacia niveloj de identeco (Zbigniew Galor), Siberio (Aleksej Birjulin).

Du jubileantaj libroj ricevis apartan pritrakton: la 100-jara "Fundamenta Krestomatio" (Halina Gorecka) kaj la 75-jara "La tajdo" de Nikolao Hohlov (Aleksander Korĵenkov). Nora Caragea rakontis pri siaj tradukoj. Sed la plej interesa literatura evento de la Forumo estis lanĉo de la "Rusa Novelaro", eldonita de "Sezonoj" en julio – la tuta stoko, kunprenita de la eldonantoj, estis rapide disaĉetita je speciala unuataga prezo, kaj la tri ĉeestantaj tradukantoj havis agrablan taskon subskribi ĵusaĉetitajn ekzemplerojn.

Al la diskutrondo "UEA: de problemoj al krizo" skribe kontribuis Renato Corsetti, István Ertl, Giorgio Silfer kaj Jakvo Schram, kiuj diverstendence traktis la temon. Alia diskutrondo estis dediĉita al la Esperanta gazetaro ĝenerale kaj speciale al "La Ondo de Esperanto", kies pluraj redakcianoj, kunlaborantoj kaj legantoj ĉeestis. Aktivuloj el norda Pollando, Litovio kaj Kaliningrada regiono havis plian sesion de la tradicia seminario pri kunlaboro en ĉi tiu regiono.

Ekskursoj gvidis la forumanojn al la urbo mem, kiu ĉi-jare festas sian 650-jariĝon, kaj al interesa skanzeno en Olsztynek. La streĉan laborprogramon variigis interkona vespero ĉe fajro kun kolbasetoj kaj biero, pola vespero en regionstila restoracio "Karczma Warmińska", orgena koncerto en la katedralo kaj la adiaŭa vespero en restoracio "Kolorowa".

Preskaŭ ĉiutage Marian Zdankowski amuzis kaj pensigis la ĉeestantojn en FREŜO – eble la plej fama kviza programo en Esperantujo.

La ĉefa riproĉo, kiun la kunorganizantoj (Varmia-Mazuria E-Societo kaj "La Ondo de Esperanto") ricevis en la lasta kunveno, estis trostreĉeco de la programo, pro kiu por bani sin en la belaj (apud)urbaj lagoj oni devis malĉeesti interesajn prelegojn kaj kunvenojn.

***Halina Gorecka (Kaliningrad)***

## INTERKULTURE ĈE KOKŜAGA

Inter la 5-a kaj 11-a de julio apud Kokŝaga okazis junulara interkultura tendaro "Ĉiuj diversas – ĉiuj samas", kiun organizis la Junulara Esperanto-Asocio de Ĉuvaŝa Respubliko. En la tendaro partoprenis 27 gejunuloj de la Asocio, de la klubo "Edmond Privat", gejunuloj de Vurnara distrikto de Ĉuvaŝio. Kiel gastoj de la programo estis 4 studentoj-nepalanoj de la Ĉuvaŝa ŝtata universitato. De Moskvo venis ankaŭ Vitalij Malenko, prezidanto de REJM. En la tendara programo estis tagoj de kulturoj de Latina Ameriko, Orienta Azio, Oceanio kaj Afriko. Oni esperas, ke la tendaro iĝos tradicia kaj servos kiel nova labordirekto de la Asocio. La nova iniciato estas vere salutinda!

***(Abonu.Com)***

# LA KONFERENCO DE ARMENA ESPERANTO-ASOCIO

La 20-an de junio 2003 okazis la vica konferenco de Armena Esperanto-Asocio (AEA), dum kiu estis prezentita kaj taksita la laboro de la Asocia Estraro dum la pasinta periodo (2000 – 2003) kaj elektita nova 7-persona Estraro.

Pri la 3-jara E-agado en Armenio raportis prezidantino de AEA Lida Elbakjan. Ŝi rakontis pri faritaj laboroj kaj atingoj de la Asocio dum la raporta periodo, kiuj atestas pri alta aktiveco de la Asocia membraro.

Dum la menciita periodo: daŭris E-kursoj por plenkreskuloj kaj infanoj en AOKS (Armena socio pri kultiraj ligoj kun eksterlando), en unu el urbaj mezlernejoj, kaj en la centra infana biblioteko "Khnko Aper"; 11-foje en Armenio kaj eksterlande aperis artikoloj pri Esperanto kaj E-agado de AEA (armene, ruse, Esperante); estis pretigitaj por eldono armena-Esperanto-rusa kaj Esperanto-armena-rusa vortaroj; estis tradukitaj en Esperanton armenaj kantoj kaj poeziaĵoj; estis eldonita la libreto "Armenio invitas vin", dediĉita al la 1700-jariĝo de oficiala akcepto de kristanismo kiel ŝtata religio en Armenio; estis eldonita kaj disvastigita armenlingva reklamfolio pri Esperanto, E-kursoj (estis pendigita en ŝtataj kaj privataj urbaj transportiloj); estis tradukita armenlingven Praga Manifesto; estis tradukita kaj sendita al Malto poemeto "Pentri la pacon"; la ruslingva deklaracio de Eŭropa Unio estis enmetita en la revuon de AOKS "Palitra"; la biografio kaj Esperantaj tradukaĵoj de E-akademiano Gurgen Sevak estis senditaj al Brazilo por enmeto en la libron "Esperanto-pioniroj"; 7-foje okazis radio- kaj televidaj elsendoj pri Esperanto en Armenio kaj Germanio; dum 6 monatoj en la centra parto de la ĉefurbo de Armenio Erevan (str.Abovjan 3) estis prezentita Armena kaj internacia E-movado sur la 8-metra stando; estis akceptitaj gastoj el Hispanio, Belgio, Nov-Zelando, Litovio, Finnlando kaj Japanio; dufoje armenaj esperantistoj partoprenis E-aranĝojn eksterlande (UK en Tel-Aviv kaj prelegvojaĝo kun PSI en Germanio); 23-foje okazis someraj eksterurbaj E-aranĝoj; okazis ami- kaj interkonaj vesperoj kun reprezentantoj de aliaj organizaĵoj kaj profesioj (ekzemple, reprezentantoj de la japana klubo, kuracistoj el la infana malsanulejo k.a.), dum kiuj la gastoj konatiĝis kun la tutmonda E-movado, sukcesoj kaj atingoj de la Internacia lingvo Esperanto; estis kreita koresponda ligo inter franca kaj armena mezlernejoj; okazis aktiva korespondado kun esperantistoj el 28 landoj, inter ili ankaŭ kun esperantistoj el ĝemelaj urboj; ĉiujare okazis festoj, dediĉitaj al Zamenhof-tago, datreveno de la fondiĝo de AEA (la 12-an de februaro 1991); okaze de 20-jariĝo post la morto de E-akademiano Gurgen Sevak, okazis memorvespero, kiun partoprenis liaj gefamilianoj, ĵurnalistoj kaj aliaj gastoj; okazis aranĝoj, dediĉitaj al la internacia tago de libro (24-a de aprilo); ĉiuvendrede okazis klubvesperoj de Erevana centra klubo, dum kiuj oni regule informis pri E-novaĵoj (el Landa Agado, E-revuoj ktp.); en 2002 en AEA komencis funkcii Ar-

Jozefino konsultas sian kuraciston.
– S-ro kuracisto, mi havas doloron je mia krura genuo.
– Krura genuo? Sinjorino, tio ŝajnas al mi pleonasmo.
– Ho, dio mia! Ĉu tio estas danĝera!?

***(esperanto-anekdotoj)***

mena reprezentejo de Aŭstralia projekto “Purigu nian mondon”, kiu organizis ekologiajn akciojn en Erevan kaj aliaj regionoj; estis kolektitaj pentraĵoj de armenaj infanoj por sendi al Francio, al la ekspozicio de infanpentraĵoj; armenaj esperantistoj partoprenis multajn aranĝojn, organizitajn de la Armenia registaro kaj AOKS.

La laboro de la Estraro de AEA estis taksita kiel kontentiga. Post la raporto de Prezidanto okazis elektado de la nova estraro de AEA: Lida Elbakjan - prezidantino (reelektita); Karine Arakeljan - vicprezidantino; estraranoj: Araksja Elbakjan, Bella Karapetjan, Levon Hakobjan, Levon Margarjan, Stepan Sargsjan.

***Karine Arakeljan (Erevan)***

## TTT-EJO PRI LA 89-A UK

Kiel vi scias, la 89-a UK okazos inter la 24-a kaj la 31-a de julio 2004 en Pekino, Ĉinio. Por tio ni malfermis en nia reta EPĈ novan paĝaron “89-a Universala Kongreso de Esperanto” <http://www.espero.com.cn/uk2004/e02-2.htm>, en kiu troviĝas pli ol 10 rubrikoj, nome: Aliĝilo, Informoj, Bultenoj, Notoj pri UK 2004, Dokumentoj, Ĉina Movado, Koncize pri Ĉinio, Pekino Hodiaŭ, Vojaĝo tra Ĉinio, Enciklopedieto de Ĉinio ktp. Ni esperas, ke vi skribos al ni, kion alian vi volas scii pri Pekino aŭ Ĉinio. Estas bonvenaj viaj sugestoj kaj proponoj por sukcesigi la kongreson. Antaŭdankon pro via respondo.

***redakcio de “El Popola Ĉinio”***

## MIRINDA! MIRINDA! MIRINDA!

***38-a Brazila Kongreso de Esperanto en Belo Horizonte***

Mi antaŭ nelonge alvenis de Belo Horizonte, kie mi ĉeestis la 38-an Brazilan E-Kongreson, kun la partopreno de 539 personoj (inkluzive de 3 eksterlandanoj: unu usonano, unu brito kaj unu hispano).

La Kongreso estis vere unuvorte MIRINDA! La Kongresejo, tre taŭga (Feriejo SESC Vendas Novas), kunigis ĉiun homojn en unusola loko, kie ĉiuj gastis, manĝis kaj kunvenis. La solena malfermo okazis dimanĉe, la 20-an de julio, en la salono Zamenhof plenplena de homoj. Pluraj movadgvidantoj salutis la kongresanojn post la prezentado de “Verda Opereto” ludita de geinfanoj de Belo Horizonte. Je la 20-a okazis koktelo kun bongustaĵoj de la kuirarto de Minas Gerais kaj muzika partopreno de Markone Froes (el la bando “Merlin”).

Lunde, la 21-an de julio, estis la unua labortago. En malsamaj ĉambroj okazis multaj diversaj kunvenoj, prezentoj, debatoj kaj prelegoj. Vespere de tiu sama tago okazis la unua Arta Vespero kun: Rosinha Mattos, kantanta brazilajn popularajn muzikaĵojn; altnivela prezentado de Neide Barros Rêgo, kiu ĉarmis la ĉeestantaron per deklamado kaj kantado; prezentado de la “rapisto” Antonio, kiu amuzis la publikon per sia gaja prezento; grupo Minadouro, kiu plezurigis la publikon per tipa minasa muziko.

En la dua tago de la Kongreso – marde, la 22-an de julio, elstaris la prelegoj: de Osvaldo Holanda (“Historio de la E-movado en Brazilo”), de hispana s-ano Lorenzo (“Esperanto en Hispanio”), de José Passini (“Prononco”) k.a. Krome okazis kunvenoj de ILEI-BR, OOMOTO, Entreprenista Fronto Esperantista, la-

borkunsido “Esperanto en la 5-a Monda Socia Forumo”, Ĝenerala Asembleo de Brazila E-Ligo. Vespere de tiu sama tago okazis la dua Arta Vespero, kun la partopreno de Tarcísio Lima (Fortaleza), bando Magia Ŝuo (Curitiba), bando Merlin (Belo Horizonte).

En la tria tago de la Kongreso – merkrede, la 23-an de julio, estis la prelegoj pri: “KKE: Hieraŭ, hodiaŭ kaj morgaŭ” (Givanildo Ramos Costa, Aloísio Sartorato kaj Jair Salles), “Klasika Retoriko” (Ivan), “Aidoso” (Hélio Aderne), “Ludoj kaj Rimedoj por Instruado” (Mima), “Lingvaj Rajtoj” (Fabrício Vale); krome okazis kelkaj kunvenoj kaj debatoj. Vespere de tiu sama tago okazis la Balo kun la partopreno de bando “Edição Especial” kaj prezentado de ventro-danco fare de esperantistino el Braziljo.

Dum tiuj tri tagoj okazis ankaŭ Cseh-metoda kaj tradicia E-kursoj, ekzamenoj de ILEI/BR por pluraj niveloj. La junularo (BEJO) kongresis aparte kaj havis siajn variajn aktivecojn. Ĵaŭde, la 24-an de julio, la kongresanoj adiaŭis unu la alian promesante renkontiĝi denove venontjare en Maceió, dum la 39-a BKE. Okazis: prezentado de gitarludistoj kaj adiaŭaj salutoj de pluraj movadgvidantoj kaj transdono de la Kongresa Flago al la organizontoj de la Kongreso en Maceió. La Kongreso finiĝis per komuna kantado de “La Espero”.

***Aloísio Sartorato (Rio de Janeiro, Brazilo)***

## BOULOGNE-2005: 100 JAROJ DE E-RENKONTIĜOJ

Kadre de la internacia amikeca renkontiĝo Boulogne-2005, kiu memorfestos la centjariĝon de la unua Universala Kongreso de Esperanto en Bulonjo-ĉe-Maro, vi de nun povas “retviziti” la urbon kaj ekkoni ĝiajn riĉojn kaj ĉarmojn foliumante la retpaĝon: <http://boulogne2005.online.fr/eo/bulonjo>. Jen okazo antaŭĝui la vivon en la fama esperantista urbo! Enhavoriĉa fako pri la historio, pri la Kongreso de 1905 atendas vin en la TTT-ejo <http://boulogne2005.online.fr/eo/historio>: paroladoj, raportoj, deklaracioj... kaj kanto pri la Kongreso! Fine, speciala retpaĝo pri reklamado koncerne Boulogne-2005 nun legeblas en la TTT-ejo <http://boulogne2005.online.fr/eo/reklamo.htm>.

***Xavier Dewidehem (Francio)***

## TRAFIKAJ NOVAĴOJ EL TUTA MONDO

Ni infane ĝojas, kiam ni vidas, ke ie interalie oni mencias la nomon de nia kara lingvo. Tio estas natura. Sed ofte oni mencias ĝin kiel kuriozaĵon. Preskaŭ neniam oni faras tion, se Esperanto estas ie uzata kiel vera lingvo. Kial? Vi mem scias, ke nia lingvo estas preskaŭ nenie uzata kiel vera internacia lingvo. Nenie krom la Movadaj “tusovaĉadoj”[1]. Ĉu vere nenie?

En Kroatio, en la fama urbo Zagreb oni eldonas 24-paĝan gazeton “ZET” (Za-

[1] Estas certe ne la lasta fojo, ke oni bezonas esprimi esperantlingve la rusan vorton “тусовка”. Ni proponas por traduki ĝin ne pliigi superflue la E-radikaron, sed uzi la jamajn eblojn de la lingvo: “kunumado”, “kunumejo”, “kunumanaro” (depende de kunteksto) – La red.

greba Elektra Tramo), memkompreneble en la kroata lingvo. Ĝi estas multkolora periodaĵo, kiu pritraktas la aferojn interesajn por la tramistoj. Mi menciu kelkajn artikolnomojn kaj rubrikojn: *Prvi tramvaj za 25 mjeseci. Od idejedo potpisa. Poslovanje. Druŝstvena kronika. Promet tehnika. Ĉovek naŝe sredine. Otiŝli u mirovinu. Sport.* Kaj sur la 22-a paĝo estas interesa rubriko. Tio estas novaĵoj, ofte kun fotoj, kiuj temas pri diversaj trafikaj (urbaj kaj interurbaj) novaĵoj el la tuta mondo "Ŝirom Svijeta". Kiuj sendas tiujn novaĵojn? De kie oni ĉerpas ilin? En la lasta numero – el "BBC", "Yorkshire Evening Press", "Independent" kaj... "Veĉernij Taŝkent". Mi kopias la komencon de la rubriko:

*"Ŝirom Svijeta. Esperantom preveli: Henry D.Palmer, Taunton, Velika Britanja; Angus Wilkinson, Selby, Velika Britanija; Eugeno S.Perevertajlo, Taŝkent, Uzbekistan, Marija Beloŝeviĉ, Zagreb, Hrvatska.*

*Estimataj kunlaborantoj, Viaj kontribuaĵoj ĉiam bonvenas al la adreso: Marija Beloŝeviĉ, Sveti Duh 130, HR-10000, Zagreb, Kroatio; tel. 00 385 1 37 45 052. e-mail <mbelosev@jagor.srce.hr>.*

*La Redakcio*

La rubriko aperas pli ol 30 jarojn. En ĝi estas ankaŭ ne tre ampleksaj "Novaĵoj kaj problemoj de ZET", kiuj aperas en Esperanto, la angla kaj la germana.




*Japana esperantistaro prepariĝas al la 100-jariĝo de japana organizita E-movado (en 2006) kaj invitas la 92-an UK-on (en 2007) al la urbo Jokohamo.* ***(NUN)***

Mi proponas al ĉiuj aktivaj, tradukemaj esperantistoj trovadi en la nacilingvaj periodaĵoj novaĵetojn pri koncerna temo (tiuj novaĵetoj laŭeble havu fotojn akompanantajn, sendepende ĉu ili temas pri la lokaj aŭ alilandaj faktoj), traduki ilin Esp-en kaj sendi rete aŭ papere al la juna kaj simpatia Marija. Tio estas bona agado kaj praktika apliko de nia Lingvo; due, niaj tradukemuloj ricevas "laboron", kiu famigas la tradukiston. Trie, la tradukistoj ordinare ricevas ekzempleron de la gazeto. Kvare, tiun gazeton eblas montri al la amikoj, parencoj ktp. Sed grave – tiun gazeton kun mencio de la fonto (la loka periodaĵo) NECESAS montri al ties redakcio, kiu feliĉos esti citata kaj tradukata. Eblas proponi al la redakcio de la vizitata loka gazeto samtempe iun artikolon pri Esperanto aŭ iun interesan artikolon el Esperanta gazeto (nacia aŭ internacia).

Do, vi refoje povas aperigi mencion de la nomo de nia Esperanto. Kiuj hazarde ne ricevos la aŭtoran ekzempleron de la gazeto, turnu vin al mi.

Antaŭen! Avanti! Forward! Olga! Vperjod za Zamenhofa!

***Eŭgeno Perevertajlo (Uzbekio)***



## NOVAJ "ORAJ KANTOJ"




Aperis nova disko en la serio "Oraj kantoj". Ĝi havas la kvinan numeron, la titolon "Mia nomo ne gravas…" kaj konsistas el 18 elektitaj kantoj de Mikaelo Bronŝtejn, kelkaj el kiuj antaŭe neniam aperis en la diskoj. Dek du el tiuj kantoj estas plenumataj de la aŭtoro mem, aliaj ses – de la grupo "Oraj kantoj". La kovrilon por la disko preparis Onjo Ĉerniŝova, Nastja Baŝlikova kaj Garik Kokolija. La tekstojn por la kovrilo, kun la rakontoj pri sia rilato al kantoj de Mikaelo Bronŝtejn, verkis Georgo Handzlik (Pollando) kaj Ĵak Le Puil (Francio). La disko mendeblas en la Libroservo de REU.

Estas preparataj la kvara kaj sesa diskoj de la serio. La 5-10-an de julio en Moskvo okazis registrado de kantoj por tiuj diskoj. Estis registritaj 24 komunaj kantoj (multaj el kiuj estas nun preskaŭ forgesitaj) por "Oraj kantoj-4" kaj kelkaj kantoj – por la disko "Oraj kantoj-6", kiun konsistigos la kantoj el repertuaroj de niaj aŭtoroj kaj kantistoj Andrej Obrezkov, Mikaelo Povorin, Maŝa Koĉetkova, Paŝa Korotenko, Evelina Sokolova, Oksana Zvereva kaj Oĉjo Dadaev. Ambaŭ diskoj aperos ĝis fino de la jaro, unue aperos (plej verŝajne oktobre) la kvara disko.

Ĵaŭde, la 10-an de julio, post fino de la registrado, la grupo "Oraj kantoj" kantis en la Moskva E-klubo "Lev Tolstoj". Ĝi estis la unua publika koncerto de "Oraj kantoj". La kantistoj, inspiritaj de la publiko, kantis eĉ pli bele, ol dum la registrado. La preskaŭ duhora koncerto estis tre sukcesa. Sekva publika koncerto de "Oraj kantoj" okazos en Germanio – la grupo estas invitita por partopreni kaj koncerti en la tradicia Internacia Festivalo, kiu okazos jarŝanĝe en Kiel, kaj havos la ĉeftemon "Rusio".



***Garik Kokolija (Moskva)***




## RUSA NOVELARO EN ESPERANTO

La eldonejo “Sezonoj” (Kaliningrad) eldonis la libron “Rusa Novelaro. La 19a jarcento”. Grupo da tradukantoj kaj provlegantoj laboris dum kelkaj jaroj. La libro enhavas la plej bonajn rakontojn kaj novelojn de Aleksandr Puŝkin, Miĥail Lermontov, Nikolaj Gogol, Ivan Turgenev, Fjodor Dostojevskij, Miĥail Saltikov-Ŝĉedrin, Lev Tolstoj kaj Anton Ĉeĥov. “Rusa Novelaro” havas 400 paĝojn kaj belan kromkovrilon de Larisa Jakovleva. Ĝi aperis kiel la 9-a volumo en la libroserio “Rusa literaturo”. La enhavliston de la “Rusa Novelaro” kaj la antaŭparolon (de Halina Gorecka) eblas vidi en la ttt-ejo <http://Esperanto.Org/Ondo>, rubriko “Novaĵoj”. Mendu la libron poŝte (236039, Kaliningrad, p/k 1248) aŭ rete <sezonoj@gazinter.net>. ***(Sezonoj)***

## TRIDEKJARIĜO DE LA PLEJ FAMA LERNOLIBRO

*la fama “Kolker-lernilo” aperis antaŭ 30 jaroj*

La plej amasa kaj plej populara ruslingva E-lernolibro, verkita de Boris Grigorjeviĉ Kolker (nun loĝanta en Usono), unue aperis kiel gazetara kurso en la junulara ĵurnalo “Leninec” (Ufa) en aŭgusto 1973. Pro tiama ŝtata eldona politiko ĝi ne povis esti eldonita kiel libroforma lernolibro ĝis 1992, kiam tion efektivigis la eldonejo “Nauka”. Tamen ĝi estis nekalkuleble ofte kopiata aŭ represata kiel “Metodikaj konsiloj” (la publikaĵspeco, kiu ne bezonis apartan permeson) en la kvanto ĝis kelkcent ekzempleroj. Nur en Ufa la lernilo estis reeldonata en 1974, 1976, 1978, 1980. Oni eldonis ĝin ankaŭ en Moskvo, Krasnojarsk, Volgograd, Soĉi, Tiĥvin kaj en pluraj aliaj urboj de Sovetunio. Nun “Kolker” iĝis la plej ofta reta E-lernilo, laŭ kiu Esperanton ruslingve studas homoj el dekoj da landoj de la mondo. Laŭ la adreso <http://www.esperanto.mv.ru/ESP/lernolibroj.html> troveblas la plej aktuala versio de la lernolibro. ***(E-rus-informoj)***

## GLOBALE PRI ESPERANTO

Aperis nova granda ruslingva enciklopedio “Globalistika” (26,5 cm, 1328 p., 5000 ekz.), ĉefredaktoroj kaj kompilintoj – I.Mazur kaj A.Ĉumakov, eldonita de la centro “Dialog” kaj la eldonejo “Raduga”. La eldono, ekzistanta paralele en la angla lingvo, estas preparita de la Rusia filozofia societo por la tutmonda filozofia kongreso en Istanbulo ĉi-aŭguste. Ĝi traktas ĉiujn tutmondajn aferojn – ekde ekologiaj kaj etikaj aspektoj ĝis terorismo. Inter la artikoloj – kiuj estas ĝenerale detalaj kaj grandaj – estas ankaŭ “Esperanto” de N.Gudskov (pp. 1260-1263), konsistanta el la sekcioj: Internaciaj lingvoj, Esperanto, Lingvaj karakterizoj, Kulturo, Ideologio, Movado de esperantistoj, Organizoj de esperantistoj, Bibliografio.

***Nikolaj Gudskov (Moskvo)***




## “DAGESTANSKIJ RAKURS”

En Maĥaĉkala komencis aperadi la gazeto “Dagestanskij rakurs”, ĝia ĉefredaktoro estas Abduraĥman Junusov, Vicprezidanto de REU. Unu el ok paĝoj de la unua numero estas preskaŭ plene dediĉita al Esperanto kaj titolita “Kompas”. En ĝi troveblas granda artikolo (daŭrigota) pri Esperanto, pri ĝia historio, la artikolo nomiĝas “Поговорим на языке надежды…” (Ni parolu en la lingvo de espero…). Estas ankaŭ informo pri la fondiĝo de E-katedro en Kaŭkazia Laika Instituto kaj porokazaj gratuloj de diverslandaj esperantistoj, kelkaj aliaj priesperantaj informoj. Laŭ intencoj de la redaktoro ankaŭ en sekvaj numeroj de “Dagestanskij rakurs” indan lokon okupos la materialoj pri Esperanto.

## REZULTOJ DE BELARTAJ KONKURSOJ 2003

**Infanlibro de la jaro**. Por la branĉo “Infanlibro de la jaro” venis ĉi-jare nur unu libro, kiu konforme al la Regularo de Belartaj Konkursoj tamen ne povis esti prijuĝata. Tiel en la branĉo “Infanlibro de la jaro” oni prijuĝis neniun libron kaj la premio ne estis aljuĝita.

**Kanto**. Du egalaj duaj lokoj por jenaj kantoj. La unua estas kanto, kiun sendis pseŭdonimulo SIGRAN, kies vera nomo estas Nargis Mondjazib el Usono. La alian egalan duan lokon ricevis alia kanto de la pseŭdonimulo SIGRAN, kies vera nomo estas Nargis Mondjazib el Usono. La unua loko kaj la premio “An-Song-san” laŭ decido de la ĵurianoj iris al la tria kanto de la sama pseŭdonimulo SIGRAN. Post malfermo de la koverto efektiviĝis, ke la vera nomo de la aŭtoro, kaj probable ankaŭ la plenumantino, estas Nargis Mondjazib el Usono.

**Poezio**. La trian premion ricevis poemo kun titolo “Tra l’ aero” de aŭtoro, kiu sin kaŝis sub la pseŭdonimo Pirato. Post malfermo de la koverto kun vera nomo efektiviĝis, ke Pirato estas pasintjara laŭreato en la branĉo “Kanto” Christian Riviere el Francio. La premio estis aljuĝita interalie pro “la ideo kaj interese faritaj kunmetitaj vortoj”. La duan lokon gajnis la poemo “Plu kaj Plu” de Tina Stano, kies vera nomo estas Anja Karkiainen el Finnlando. La unuan lokon gajnis la poemo “Ne plu”, pseŭdonimo Tina Stano, vera nomo Anja Karkiainen el Finnlando. La ĵurio substrekis “pritakson de grava problemo etika, sen altruda moraliĝemo kaj bona realigo de tradicia esprimformo”.

**Teatraĵo**. La ĵurianoj aljuĝis nur du premiojn, kio tamen estas progreso kompare kun la pasinta jaro, kiam oni aljuĝis nenian premion en la branĉo “Teatro”. La dua premio iris al Trombo pro la teatraĵo “Ve!tero”. La vera nomo de la aŭtoro estas Stefan MacGill el Hungario. Pri “Ve!tero” – “bona stilo, vigla rakonto. Pli filma ol teatra”. La unua premio iris al Vera Anonimo pro “Samhufo kaj la morto”. La Vera Anonimo reale nomiĝas Jorge Teles kaj loĝas en Brazilo. Lia teatraĵo “estis legita kun plezuro, la teksto kaptas la intereson, bone disvolviĝas la agoj”.

**Eseo**. En la branĉo “Eseo” la ĵurianoj aljuĝis la trian premion al Seneko pro la eseo titolita “La tri doktoroj”. La vera nomo de Seneko estas Paulo Sergio Viana el

Vinko Oŝlak, konata slovena esperantisto, verkisto kaj tradukisto verkas multe ankaŭ slovenlingve. La 18-an de septembro oni proklamis lin gajninto de la unua premio de nacia jara konkurso "Roĵanc" por la plej bona libro de eseoj. La 5-membra ĵurio de la 11-a konkurso "Roĵanc" proklamis lian ĉi-jare aperintan libron, eldonitan de la eldonejo "Libera" en Maribor, "Estimo kaj esenco - eseoj pri la homo kaj kulturo", la plej kvalita slovenlingva eseoibro de la jaro. (***NUN)***

Brazilo. La eseo estas "sprita, elegantstila, pensiga kaj – cetere – tute aktuala por diversaj movadanoj. La eseo helpas aliri la demandon, kial elituloj foje forlasas Esperanton". La duan lokon oni aljuĝis por la eseo "La pluralo" de Paulo, kies vera nomo estas Cristian Riviere el Francio. La eseo estis "plezure altnivela, laŭteme bone preparita kaj lingve flua. Beletre tre bona. Tre erudicia kaj belstila, kun certa esperantologia trajto". La unua loko kaj la premio "Luigi Minnaja" estis aljuĝita pro la eseo "La kvara periodo en Esperanta literaturo" al pseŭdonimulo Libermulo, kiu estas Jukka Pietiläinen el Finnlando. La eseon oni trovis "lingve agrable lerta kaj altnivela. La aŭtoro ludas kun sia lingva talento. Tre bona analizo, bonstila".

**Prozo**. La tria loko iris por la rakonto "Aŭtobuse" de Atestanto, kies vera nomo estas Sten Johansson el Svedio. La dua loko – pro la rakonto "Go-ludo" de Atari, kiu vere nomiĝas Christian Riviere el Francio. La unuan lokon oni aljuĝis pro la prozaĵo, titolita "La kernproblemo de doktoro Plutonio", verkita de Okcidentobordano. Ties vera nomo estas Martin Weichert el Svedio.

**Vidbendo**. La honoran mencion ricevis Odesa Junulara Esperanto-Klubo "Verdaĵo" pro la filmo "Perloj de Ĉenigramarujo". La unuan premion ricevis Ralf Kuse pro la vidbendo "Esperanto en Maklenburgio-Antaŭpomerio".

***Georgo Handzlik (Sekretario de Belartaj Konkursoj)***

## MISTERO DE ESPERANTAJ ROMANCOJ DE S.I.TANEJEV

Multaj memoras kaj scias rusan komponiston, pianiston, pedagogon, eminentan muzik-socian aganton kaj sciencciston Sergej Ivanoviĉ Tanejev (1856-1915). Dum longaj jaroj li estis profesoro de Moskva konservatorio kaj eĉ estris ĝin dum 1885-89, edukis multajn talentajn muzikistojn, inkluzive la mondfamajn S.V.Raĥmaninov kaj A.N.Skrjabin, por kiuj li estis alta muzika aŭtoritato kaj modelo de noblaj moralaj kvalitoj.

La muzika heredo de S.I.Tanejev inkluzivas la operon "Oresto", surscenigitan en la peterburga teatro "Mariinskij" (1895), 4 simfoniojn, 2 kantatojn, romancojn. Malmultaj scias, ke inter la lastaj estis ankaŭ la Esperantaj romancoj, sed iliaj sortoj estas kovritaj per profunda mistero. Neniuj el tiuj ĉi romancoj estis publikigitaj, iliajn situojn oni ne scias.

Apero de la Esperantaj romancoj ne estis hazarda. S.I.Tanejev estis persono de avangardaj opinioj, li entuziasme renkontis la aperon de Esperanto, ekposedis ĝin, propagandis ĝin inter siaj parencoj, konatoj kaj lernantoj, korespondadis kun L.Zamenhof kaj unuaj esperantistoj. Rilate al tiuj ĉi romancoj en taglibroj de la komponisto, eldonitaj de la moskva eldonejo "Muziko" en 1981-85, estas nur 4

notoj. Jen estas tiuj notoj kaj komentoj.

1) La noto de 30.01.1896:

"Naskiĝo de Borja. Mi komponis al li Esperantan romancon "Se premas min dolore" ("En malfacila minuto de la vivo"[1]).

*Komento: Borja estas Boris Leonidoviĉ Sabanejev (1880-1918), pli aĝa filo de la fama zoologo, ĵurnalisto kaj eldonisto Leonid Pavloviĉ Sabanejev (1844-1898). Boris kaj lia pli juna frato Leonid estis lernantoj de Tanejev. La romanco estis komponita laŭ Esperanta traduko eble fare de Antoni Grabowski (Grabovski). Longdaŭre ĝi konserviĝis ĉe Leonid, kiu intencis publikigi ĝin kiel suplementon al siaj rememoroj pri Tanejev. Sed la rememoroj aperis (la eldonejo "Tair", Parizo, 1930) sen la romanco kaj ĝian pluan sorton oni ne scias.*

2) La noto de 17.02.1896:

"…Mi reskribadis Esperantan romancon."

3) La noto de 12.03.1896:

"Mi ekzamenadis Sergej Lvoviĉ pri harmonio, muzikis Esperantan romancon…"

*Komento: En tiu ĉi tago Sergej Ivanoviĉ gastis ĉe la familio de Tolstoj kaj okupiĝis kun la filo de la glora verkisto L.N.Tolstoj.*

Probable ĝis nun temis pri la sama romanco.

4) La noto de 30.04.1898:

"Ni tagmanĝis: Juŝa, Kolja kaj la esperantisto Fedorovskij, intencanta laŭ komisio de la odesa filio presi miajn Esperantajn romancojn."

*Komento: Pri kiuj romancoj temas, kie oni intencis ilin presi kaj ĉu presis – ĉion ĉi oni ne scias. En tiu ĉi noto temas pri kutima tagmanĝo en la loĝejo de Tanejev, aranĝata por liaj lernantoj. Juŝa kaj Kolja, lernantoj de Sergej Ivanoviĉ, estas estontaj komponistoj J.N.Pomerancev (1878-1933) kaj N.S.Ĵiljajev (1881-1942?). Fedorovskij estas, verŝajne, reprezentanto de Odesa filio de Ruslanda Esperanta Asocio.*[2]

Jen estas ĉio, kion oni sukcesis ekscii nuntempe. Mi ne kredas, ke fruktoj de muzika kreado de S.I.Tanejev, ligitaj kun Esperanto, estas senrevene perditaj. En la arkivoj de S.I.Tanejev ne estas la Esperantaj romancoj. Sed povas esti, ke oni trovos ilin en arkivoj de liaj lernantoj kaj konatoj en Rusio kaj eksterlande. Necesas plivastigi la sferon de serĉado.

Samideanoj, ni kune serĉu kaj publikigu perditajn romancojn de S.I.Tanejev.

***Ergard Budagjan (Moskvo)***



[1] Versaĵo de M.J.Lermontov "Preĝo"(1839).

[2] Evidenta eraro de la komentinto: tutrusia E-organizaĵo aperis 10 jarojn pli malfrue; kredeble temas pri filio de la Peterburga E-societo "Espero" – La red.

**KOMENCANTO**



*revuo por komencantaj aŭtoroj kaj komencantaj esperantistoj*

**"Komencanto"** (16 paĝoj A4; 6 kajeroj jare) servas por ĉiuj, kiuj lernas, posedas aŭ instruas Esperanton, kiuj volas realigi siajn literaturajn provojn en nia lingvo – por komencantaj aŭtoroj. Kaj komencantaj pentristoj. Speciale taŭgas por kursoj, grupoj, societoj.

*Unua provo ĉiam malfacilas, // sed ĉiu devas fari ĝin. // Alie povas vi neniam // Ekscii: ĉu kapablas vi?* ***(V.Makarenko (Tverj))***

Famaj esperantistoj rakontas, kiel ili siatempe estis komencantoj: intervjuoj kun prezidantoj, akademianoj, verkistoj, redaktistoj, kantistoj… En 2003 Derk Ederveen (Pasporta Servo), Stano Marĉek (revuo "Esperanto"), Ĵomart kaj Nataŝa, Etsuo Miyoshi (japana E-mecenato), Mikaelo Bronŝtejn…

Hodiaŭ oni abonas "K"-n en 28 landoj. Jara abono al "Komencanto" kostas 150 rublojn, duonjara abono – 75 rublojn (poŝtmandate al: Кудрявцев Виктор Васильевич, аб.ящ. 132, Екатеринбург, 620041). Atenton! Aktualas abono por 2003. La abonontoj ricevos ĉiujn numerojn de 2003 kun granda rabato – kontraŭ nur 115 rubloj! Pliajn detalojn petu ĉe <komencanto@r66.ru>.

Karaj amikoj! Venu kaj verku! Paĝoj de "Komencanto" estas apertaj por vi! Jen estas rakonteto de komencanta esperantisto, unu el abonantoj de "Komencanto".

## ESTIS LI ESPERANTISTO

Eterna komencanta esperantisto Bill Pulov decidis lasi sian spuron en Esperantujo. Li longe pensadis, kiel tion fari. Iun sunan matenon al Bill venis tre bona ideo, kiu ŝanĝis la tutan vivon de Bill.

Li diligente dum tridek kvin jaroj abonadis la revuon "Komencanto". Ĉiam, kiam Bill ricevadis la vican numeron de "K", li legis ĝin dum tri-kvar tagoj de la komenco ĝis la fino, nepre kun vortaro. Por Bill la plej ŝatata paĝo de la revuo estis la lasta, ĉar de tie li ĉiam prenis multe da novaj adresoj de dezirantoj korespondi. Poste Bill Pulov skribis al ĉiu nova adreso leteron, nepre kun helpo de la ŝablonletero. Elsendinte la leterojn, li forgesadis pri la lingvo Esperanto ĝis tiu momento, kiam la poŝtisto alportis la vican numeron de "Komencanto". Sendube Bill ricevadis la respondleterojn de la dezirantoj korespondi, sed dufoje al la sama adreso li neniam skribis. Post trarigardo la nova letero estis ŝovita en la ampleksan ŝrankon. Por Bill estis fera leĝo – unu letero al unu adreso.

Post la morto de Bill liaj amikoj longe miregis, ĉar ili trovis en lia ŝranko multe da leteroj de ĉiuj kontinentoj, de ĉiuj landoj, eĉ el Antarktido. La nombro de la leteroj estis pli ol du mil kvincent.

Karaj amikoj! Ne forgesu viajn adeptojn! Bill Pulov estis neordinara persono, kiu multe da fortoj fordonis al nia ideo de Esperanto. Estis li esperantisto.

***Igorj Belousov (Engeljs, Saratova reg.)***

## ESPERANTO-FAKO EN LIBROVENDEJO DE KAUNAS

Jam dum tri jaroj en unu el ĉefaj librovendejoj de Kaunas sur la ĉefa piedira strato Laisves aleja (Avenuo de Libero) interkonsente kun Litova Esperanto-Asocio funkcias fako de literaturo en Esperanto. La fako enhavas kelkajn bretojn, tie oni povas trovi la plej diversajn librojn en Esperanto, eldonitajn en Litovio kaj eksterlande. Ĉiujn librojn liveris Litova Esperanto-Asocio. La fako estas tre bone kaj videble afiŝita, ke temas pri libroj en Esperanto. La librovendejo nomiĝas "Knygu aleja" (Avenuo de libroj), ĝi estas privata kaj apartenas al posteuloj de konata librovendisto Juozas Masiulis, kiu ĝis 1940 havis kelkajn librovendejojn. Nun tiuj librovendejoj funkcias en Vilnius, Kaunas kaj Panevežys. Post 1990 parencoj de Juozas Masiulis revenis el Francio por konstante loĝi en Litovio kaj malfermis tiujn librovendejojn.

***(landa-agado)***

## LA ZAGREBA METODO – ANKAŬ POR RUSLINGVANOJ

Komence de septembro en Kaliningrad aperis rusa versio de la internacia lernolibro de Esperanto laŭ la Zagreba Metodo. Ĝi estas aplikebla en kursoj kun instruisto, en korespondaj kursoj kaj por memlernantoj. La lernolibro estas preparita helpe de novaj metodoj kaj estas kontrolita en aro da eksperimentaj kursoj en diversaj landoj. Ĝia baza valoro estas, ke oni lernas nur tion, kio en la vivo estas vere necesa. La lernolibro estas farita tiel, ke surbaze de 500 plej oftaj radikoj oni ekzercu la parolkapablon. Duono de la lernolibro estas instruebla dum unu semajnfino, post kio lernantoj jam kapablas konversacii.

Ĝi estas verŝajne la plej populara moderna lernolibro de Esperanto – jam aperis 9 kroataj eldonoj, po 3 eldonoj por germanoj kaj slovenoj, po 2 eldonoj por italoj, katalunoj kaj francoj, kaj ankoraŭ 21 nacilingvaj eldonoj. La rusa versio estas jam la 28-a nacia eldono de la Zagreba Metodo. La lernolibro enhavas 12 lecionojn kun originalaj ilustraĵoj, kantojn, gramatikajn tabelojn, du vortarojn, bazajn informojn pri Esperanto kaj ŝlosilon por ekzercoj.

Mendu la lernolibron poŝte (236039, Kaliningrad, p/k 1248) aŭ rete <sezonoj@gazinter.net>. La prezo estas 49 rubloj + sendokosto. Rabato – 10% (pli ol 10 ekzempleroj), 20% (pli ol 50 ekzempleroj).

***(Sezonoj)***

## 6-A FESTIVALO DE VIDEOFILMOJ EN ESPERANTO

Maribora Esperanto-Societo proklamas la 6-an konkurson por la Festivalo de videofilmoj en Esperanto. La Festivalo okazos la 8-an de novembro 2003 en Maribor (Slovenio). Sendu videofilmojn en VHS-formato por la konkurso en artfilma branĉo (ne pli ol 10-minutan) kaj en dokumenta branĉo (ne pli ol 15-minutan) al Esperanto-Societo Maribor (Maistrova 5, 2000 Maribor, Slovenio) ĝis la 2-a de novembro 2003. Unua premio – 200 eŭroj, aliaj premioj: diplomoj kaj recenzoj. Juĝos 3-membra internacia faka ĵurio. Dezirantoj ĉeesti anoncu vian venon 10 tagojn antaŭe. Informojn petu ĉe <zlatko.tisljar@azm-lu.si>. ***(NUN)***



## HOMOJ: KONATAJ KAJ NEKONATAJ

Ĉi-jara RET-03 estis dediĉita al esperantistoj, konataj kaj nekonataj. Iuj kvazaŭ bone konataj povas esti iurilate nekonataj, kaj la nova konatiĝo kun ili okazas neatendita kaj interesa. Mi volus rakonti ĉi tie (ĉar ne povis veni al RET) pri la esperantisto, kiun ĉiuj ni konas kvazaŭ tre bone, sed kies familinomo sendube estas en la listo de esperantistoj, kiujn oni volus koni pli bone, – pri mia unua Esperanto-instruisto Nikolao Gudskov.

Pri kio li parolis dum siaj lecionoj? Vortoj, esprimoj, verbaj tempoj, akuzativo, prepozicioj, proverboj, kantoj. Nenio eksterordinara – ĉiu alia instruisto parolas pri la samo. Tamen kiam parolis li, ĉio malaperis – restis nur Esperanto, ĝiaj vortoj kaj gramatikaĵoj, ĝiaj ebloj kaj efikoj, ĝi regis, kaj ĉio apartenis nur al ĝi. Koncerne la lernadon… Mi rememoras la rakonton de Jevgenij Nesterenko, la fama basulo el la teatro “Boljŝoj” (la Granda), pri lia staĝado en “La Scala”. Li diris, ke tie al neniu venos en la kapon la ideo provludi nepreparîĝinte; al la demando, ĉu aliokaze estos granda skandalo, li respondis: ne – tio simple ne eblas! Kaj same ne eblis ne lerni tion, pri kio parolis Nikolao Gudskov. Se li donis novajn vortojn, ili ne povis ne esti enmemorigitaj por la sekva leciono – aŭ la kruroj ne moviĝis por iri al tiu leciono. Estis malfacile, kaj per si mem povus veni la penso: foriru do, liberiĝu, forlasu tiun ĉi Esperanton! Tamen tio estis ekskludita – kial? Kio tenis tiom forte, ke malgraŭ la malfacilaĵoj kreskis la deziro lerni plu kaj plu, kreskis anstataŭ malaperi? Kia fortego de liaj kvazaŭ tute ordinaraj vortoj ardigis la lernovolon? Kiamaniere li lernigis ne lernigante? Antaŭ ne tre longe la tuta lando freneziĝis je superhomaj influkapabloj de Kaŝpirovskij kaj Ĉumak; sed ili tute ne estas unikaj: ĉiu, kiu tiel aŭ alie influas homojn, estas iomgrade ilia kolego. Mi bonŝancis. Mi spertis verajn seancojn de vera lingva sorĉado, kiu tutplene obeigis por Esperanto. Tio ne kompreneblas. Kaj ĉu indas kompreni misterojn de la talento? Prefere venu al Esperanto-kurso de Nikolao Gudskov, se ĝi okazos. Venu kun aliaj, precipe kun tiuj, kies vivo, milde dirante, pleniĝas je deziro de io pli bona.

Ĉion ĉi mi volas diri ankaŭ verse:

Ĉiam plimultiĝante aperas
Ĉiaspecaj helpemaj sorĉistoj,
Kiuj l’ ordinarecon superas
Je misteroj de siaj ekzistoj.

Flustro, krio, enigmaj manmovoj
La miraklajn potencojn elvokas.
Pli ol strangaj ideoj kaj povoj
Perpleksigas, incitas aŭ ŝokas.

Oni diras, ke kredi necesas
Je magio de ies kapabloj,

Sed la sentoj dubemi ne ĉesas:
Ĉu friponoj? sadistoj? diabloj?
Sed al mi la fortuno donacis
L' instruiston kun ardo de l' forto.
Min tempeste kaj tuj ekkuracis
Liaj brulaj rigardo kaj vorto.
Li ne vokas al streĉ', ne konsolas,
Ne sugestas fluemon de l' kanto –
Li aperas kaj simple parolas,
Sed parolas li pri Esperanto.
Ridas akuzativ', brulas verbo
Tra l' humoro premate malhela –
Kaj eklumas en spacoj de l' cerbo
Io loga, bonvola kaj bela.
Ade vivas en li la volbrulo
Por sanigaj efikoj ĉiamaj.
Ĉu ne estas li ekstrasensulo,
Kaj pli forta ol iuj multfamaj?
Kiu volas la lingvon posedi,
Spite al atakemo de fatoj,
Serĉu lin por ĝin danke heredi,
Serĉu kun la lernemaj konatoj!

– Ĉu vi scias, per kio malforta viro diferenciĝas de la forta?
– Per kio?
– Malforta viro falas per la vizaĝo en salaton.
– Sed la forta?
– En deserton!
***(esperanto-anekdotoj)***

Eblas nur bedaŭri, ke nun Nikolaj Ljvoviĉ ne instruas Esperanton…

***samideane kaj bondezire Klara Ilutoviĉ (Elektrostalj)***

## ESPERANTO-DOKUMENTO PRI INTERLINGVISTIKO

Kvardekpaĝa broŝuro kun la titolo "Interlingvistiko kaj esperantologio: vojoj al la faka literaturo" estis pubikigita de UEA en julio 2003. La aŭtoro de la verko estas d-ro Detlev Blanke (Germanio), kiu klopodis doni utilajn vojindikojn por interlingvistikaj esploristoj. La dokumento priskribas kaj karakterizas atentindajn esperantologiajn materialfontojn kaj indikas, kie ili estas troveblaj. La nova Esperanto-Dokumento estas mendebla de UEA kaj abonebla ĉe la landaj kotizperantoj.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## SENFLUGILAJ VERSOJ

Jen nova konkurso, pruntita el la rusa medio (kaj inspirita de tendaraj kantoj kaj de muzika konkurso de M.Povorin en RET-03). Jam delonge tiaspecaj versoj aperas en rusia gazetaro por eruditoj. Okazas eĉ mondaj ĉampionecoj (en Interreto) pri la t.n. "Beskrilki" (Senflugilaĵoj). Ili nomiĝas tiel, ĉar ceteraj linioj estas ordinaraj versoj, sed ĝuste tiun, kiu forestas, konsistigas "flugilhavaj vortoj", iu vaste konata esprimo. Laŭ ritmo kaj rimo oni devas diveni ĝin. Ĉe mi "la flugiloj" estas ekskluzive el E-aj kantoj aŭ poezio. Laŭ kutimo, "la flugilo" estas la lasta linio en la proponata strofo; sed en la originalo koncerna linio povas troviĝi ajnaloke.

Por tiu ĉi konkurso mi anoncas premion: libron de urugvaja filozofo en E-o (ra-

raĵo kaj antikvaĵo). La premion ricevos tiu, kiu dum 2 semajnoj post la apero de tiu ĉi REGo sendos al mi (rete – <zoo@te.net.ua>, <verda99@mail.ru>, aŭ poŝte – Ukrainio, 65026 Odessa-26, p/k 71) ĝustajn respondojn al ĈIUJ 10 taskoj. Se la respondoj kelkos, la premion ricevos tiu, kiu sendos ilin la unua.

***Tatjana Auderskaja (Odessa)***

1. Se nokte dum RETo
Amora impeto
Aperos hazarde,
Kaj semos vi arde,
Do sekvo alvenos:
__________________

2. La kukolo en arbara fon'
Nin aŭguras jarojn ar'...
Sed surdigas nin alia son':
______________________

3. En la SEJTo partopreni
Ne permesas la patrin'.
Sed ni venos eĉ al UKo:
______________________

4. Jen ŝvito, kaj muŝoj,
Kaj polva aero,
Kaj SEJT-oj, kaj UK-oj...
_______________________

5. En libroservo librojn mil
Volus mi elaĉeti tuj.
Sed estingiĝis reva bril' –
_______________________

6. Knabeton en tendar'
Delogis ina ar'.
Sed li ne kontraŭstaris,
____________________

7. Ho, kiel longa okazas preleg'!
Homo post homo forlasas jam ĝin.
Ne povas lukti kun akra tedeg'
____________________________

8. Jen en parko, jen en korto
Staras monumento, busto...
Tri literoj signas ĝin kaj
_______________________

9. Estas mi virin' prudema, ĉiuj scias,
Kaj mi en Esperantujo ne amoras.
Sed kun vi, karulo, ĉio ja alias:
_____________________________

10. Se surstrate altrudiĝos
Al vi hida ciganin',
Poŝon vi ne gardu vane:
____________________

**La 12-an de julio en la familio de Julja kaj Saŝa Blinov okazis evento: Julja naskis filon. Gratulojn!**

## TROVANTO: trejnu vian atentemon

*Trovu en la suba teksto 2 plensencajn frazojn, kaŝitajn inter vortoj. Ekz., “la sciuro estAS BESTO gracia kaj lerta”., ktp. La solvon necesas sendi dum 2 semajnoj post ricevo de la gazeto al Tatjana Auderskaja poŝte (Ukrainio, 65026 Odessa-26, p/k 71) aŭ rete (<zoo@te.net.ua>, <verda99@mail.ru>).*

Nigras tero, bluas ĉielo, flavas suno. Ĉio vivanta ĝuas someron. Herboj kaj arboj arde asimilas nutrivajn substancojn el grundo kaj el varma suna lumo. Baldaŭ aperos unuaj fruktoj. Poste longaj noktoj poiomete forrabos la sunon, kaj ĉio silentiĝos, velkos, prepariĝos por vintra dormo.

Ĉu vere ĉio? Ne, tiun krizan temon, temon de dormo kiel morto provizora, subtenas ne ĉiuj. Multas birdoj, kies tasko estas kunvivi kun ni en vintroj, rememorigante al ni pri belaj tagoj kaj protektante niajn esperojn.

Kiam vespere ĝino varmigas niajn gorĝojn, kaj kameno – niajn lacigitajn korpojn, pensu ni pri vivo, kiu daŭras sub neĝa pezo – kaj rideto lumigos la koron. Sub galjonoj aŭ tunoj da neĝo plukreskas herboj, kuretas roduloj aŭ perdrikoj…

La vivo neniam ĉesas.

---

## *La solvoj de la enigmoj en REGo № 3 (16)*

1. LA FAMILIO, BOFILINO, SINJORO TADEO, LA ŜTONA URBO, DURANKULAK, LA MONTO, EN MIA BUDUARO, LITO APUD LA FENESTRO, SOMERMEZE, KIEL AKVO DE L’ RIVERO, VIVO DE PLANTOJ
2. a) RE – TRE – TREM – TREMP – TERPOM – AMOPRET – PERLAMOT - LAKTOPREM
   b) AR – RAL – LARM – ALARM – KALMAR – MALKLAR - MASAKRUL
3. LAMA AVO NAĜIS. MENTO, AJLO, CEPO FORTE ODORAS.

Sekretario de la Centra Oficejo - al la direktoro:
⊂ Se mi neniigos ĉiujn arkivajn paperojn, kiuj aĝas pli ol 20 jarojn, liberiĝos amasego da uzebla spaco.
⊂ Perfektega ideo! Nepre tiel faru. Sed por certeco antaŭ neniigo nepre faru fotokopion de ĉiu papero. ***(esperanto-anekdotoj)***

---

## UTILAJ ADRESOJ

**REU:** p/k 57, 105318 Moskvo; retadreso <esperanto@au.ru>;
ttt-ejo <http://www.reu.ru/>

**Libroservo de REU:** p/k 4716, 432063 Uljanovsk; retadreso <yuka@vens.ru>;
plena katalogo <http://reu.da.ru/rus/katalogo.htm>.

**REJM:** str.Dugina 17 – 62, 140180 Ĵukovskij, Moskva reg.;
retadreso <rejm@euro.ru>; ttt-ejo <www.tejo.org/rejm>.

**UEA:** Nieuwe Binnenweg 176, NL-3015 BJ Rotterdam, Nederlando;
retadreso <uea@uea.org>; ttt-ejo <http://www.uea.org>.




*Ĵomart Amzeev kaj Nataŝa Gerlaĥ*

# U K – 8 8
## niaj homoj en Svedio



*Andrej kaj Nataŝa Berce*



*Katja Ignatjeva*




*Ivan Popov kun la filino kaj la patro*

**REGo** (Rusia Esperanto-Gazeto) ***№ 4 ( 17) septembro 2003***

***komuna eldono de REU kaj REJM***

*redaktas* Garik Kokolija *kunredaktas* Viktor Aroloviĉ

*poŝta adreso* Pjatnickoje ŝosse 45 – 105, 125310 Moskvo, Rusio

*retadreso* <gazeto@mail.ru>

***abontarifoj por 2003:***

*por loĝantoj de Rusio kaj aliaj landoj de KSŜ – 120 rubloj sendendaj al:*

Георгий Владимирович Score Коколия, Пятницкое шоссе 45 – 105, 125310 Москва

*por loĝantoj de aliaj landoj – 15 eŭroj pagendaj al la konto* **kklg-r** *ĉe UEA*